


REDAKTA KOMITATO:
JULIO BAGHY, KOLOMANO DE KALOCSAY, KARLO BODÓ, PAULO BALKÁNYI, PAULO DE LENGYEL, DR$^{O}$ VINCENTO TÓTH KAJ PAULO VARSÁNYI
RESPONDA REDAKTORO: DR$^{O}$ BÉLA RÁCZ DE KÖVESD L. K.

ELDONAS: HUNGARA ESPERANTO INSTITUTO BUDAPEST, EÖTVÖS-UTCA 3

ABONPREZO POR JARO 144.000 HUNGARAJ KRONOJ

# NIA KUNLABORANTARO

LOUISE BRIGGS (ARMLEY), J. GRAU CASAS (BARCELONA), HELMI & HILDA DRESEN (TALLINN), NIKOLAO HOHLOV (VARSOVIO), IVAN H. KRESTANOFF (PIRDOP), A. MAZZOLIÑI (FERMO), JAN VAN SCHOOR (ANTWERPEN), TIBERIO MORARIU (BUCURESTI), PAUL NYLÉN (STOCKHOLM), EMMA L. OSMOND (LONDON), PETRO STOJAN (CHISINAU), M. SOLOVJEV (NOVI SAD), DRO LEONO ZAMENHOF (VARSOVIO), RAYMOND SCHWARTZ (PARIS), J JURYSTA (CZENSTOCHOVA), STANISLAW BRAUN (LODZ), HENRIKO SEPPIK (TALLINN), DANIEL EYQUEM (PARIS), ZANONI.

# KRUCENIGMO V.

**Horizontale:** 1. spico; 4. manĝebla fiŝo; 7. speco de voĉo; 9. speco de sporto; 10. verko de J. J. Rousseau; 12. per ĝi oni konstatas; 13. kontinentojn kunligas; 16. nutra materialo; 17. elmortinta amerika gento; 19. birdoj ŝatas ĝin plenigi; 23. eco de materio [ne ofic. vorto]; 24. bonodora kreskajo; 26. urbo punita de Dio; 28. malhelpas; 29. en bona societo regas; 30. vira vestopeco; 33. fama juna violon-artistino; 36. franca rivero; 37. aŭstralia birdo; 39. franca estetikisto-filozofo; 41. fizika esprimo; radiistoj ĝin konas; 42. korpoparto; 44. sen ĝi oni ne havus lanon; 45. Swift verkis famajn; 47. tre forta sento; 48. tragedio de Voltaire; 49. ĝin oni uzas ĉe la komenco kaj fino de la vivo; 50. latina konjunkcio, inverse: korpoparto; 51. ne ĉiu, kiu portas ĝin, bezonas ĝin; 52. prafortepiano [ne ofic. vorto]; 53. bongusta frukto; 54. depost Kristo ilia nombro kreskas.



**Vertikale:** 1. unu el mitologiaj fratoj; 2. vorto preferata de Petro Stojan; 3. religia estro; 4. nordamerika lago; 5. lingvo de la Biblio; 6. nomo de bela frukto, ŝatata de Oscar Wilde; 8. senĉese ripetiĝas; 9. kampa birdo; 10. ĉiu homo estis iam . . .; 11. urbo grava por Esp.; 14. aktoro, oficisto malsame ĝin komprenas; 15. speco de prunto; loĝanto de parto de lando; 17. en grandaj aferoj ĝi estas granda merito; 18. la plej granda kapablo; 20. itala rivero; 23. eco de materio [ne ofic. vorto]; 21. tute ne nuntempa: 25. birdo, kiu krias sian nomon; 27. malagrabla vorto por esp. isto; 30. scienculo havas multan; 31. komenco de sudamerika urbnomo [du vortoj]; 32. speco de formiko; 33. delikata vestmaterialo; 34. la plej plorema patrino; 35. rivero en Aŭstrio; 36. aviadisto, rivalo de Blériot; 38. vintre oni ĝin portas; 40. nomo de multaj anglaj reĝoj; 42.malgranda, sed danĝera malamiko; 43. ne fermita ejo; 45. malnovmoda danco; 46. seninterrompa fluo.

Ĉi tiu enigmo estas iom malfacila. Ĉu ni faru pli facilajn ? La malkreskanta nombro de solvintoj krias — jes! Tamen, bonvolu pli persiste cerbumi!

En la enigmo ĉiuj Esp. vortoj estas radikoj (sen finajo).

Inter la solvontoj ni lotumos du libropremiojn.

Datlimo: la 15-a de aŭgusto.

**Solvo de Krucenigmo III.** Horizontale: 1. pep'; 3. san'; 5. apart'; 7. flirt'; 9. opus; 10. ĉifr'; 12. hard'; 13. Aral'; 15. Ida, 16. Zeus; 18. tent'; 19. rang'; 21. Cart' 22. rabat'; 24. kulis' 25. ink'; 26. ktp.; 30. Don; 32. karaben'; 33. dub'; 35. Nis; 37. cir'; 38. tarok'; 40. Irene; 42. frak', 43. most'; 45. Arno; 46. gudr'; 48. bal'; 49. ŝpar'; 51. danc'; 52. Deum; 54. hund'; 55. rikan' 56. salik'; 57. ark'; 58. Ĉad. Vertikale; 1. pips'; 2. perĉ'; 3. sald'; 4. Nora; 5. augur'; 6. Tibet; 7. frank'; 8. Trias; 9. oaz'; 11. rit'; 12. har'; 14. Lot; 17. sark'; 18. talp'; 20. gurd'; 21. cian'; 23. Ontario; 27. tru'; 28. pan' kaj Pan; 29. jen kaj jen'; 31. oni; 33. drak'; 34. brom'; 35. Nero; 36. ombr'; 38. talar'; 39. Koran; 40. Indus; 41. eunuk'; 42. fuŝ'; 44. tbc.; 45. ald'; 47. rod'; 50. Riga; 51. dank'; 53. marĉ'; 54. hind'.

Ĝin solvis 5 personoj. Premiitaj: 1. Papp, Püspökladány. 2. G. Stroele, Neuchatel.

# REDAKTA ANGULO

Ĉi tie ni ne presigas refoje la alvokon por kunlaborado en la rubriko *Arto kaj Artistoj.* Sed bedaŭrinde tre malmultaj sin anoncis. Sume: *unu.* Ĉi tio estas tre bedaŭrinda, ĉar ĝi montras, ke oni ankoraŭ ĉiam ne rekonas la signifon de nia revuo. Ni ne volas redakti revuon por la mono de niaj abonantoj por nia profito, (ĉi tio, cetere, estus unu el la plej malbonaj negocoj), sed ni volas montri kaj montrigi: kion povas fari la esperantistaro en la kampo arta kaj literatura ,se oni donas al ĝi la eblon. Ĉu ni nun konstatu ke ĝi povas tre malmulte ?

Do, antaŭ ol vi plu legas, bonvolu elserĉi la antaŭan numeron, kaj legi kion vi trovos en ĝi sur ĉi respektiva loko. Vian sendajon ni atendas.

La radiovespero de L. M. bone sukcesis, diras kelkaj. Aliaj nenion aŭdis. La atmosfero estis envia. Al ĉiuj, kiuj raportis al ni pri siaj spertoj, ni eldiras ĉi tie nian sinceran dankon.

Specialan dankon ni ŝuldas al sinjoro Karl Minor, al la Esperanta Voĉo Hamburga, kiu en longa kaj detala parolado menciis la agadon de niaj redaktoroj, kaj faris radiorecenzon pri la Tragedio de l' Homo. Nian sinceran dankon kaj saluton.

Se ni skribas Redaktan Angulon, ĝi ja ne povas esti sen alvoko por kunlaborado pri nia rubriko *Observo.* Ĝi estas la plej orfa duonfilino de niaj kunlaborantoj. Ĉu nenio okazas do en la tutmonda literaturo ?

Je fino: la malnova peto kaj plendo! Ni estas nur 16-paĝaj! Ni volas esti 24-paĝaj! Ni volus pagi al niaj kunlaborantoj! Ni volus farigi kliŝojn! Ni volus havi fine revuon, pri kiu ni povas kontenti!

Abonu, verku, propagandu, helpu nin por tio! Ĉu via grupo jam abonis? Kial ne? Kiom la abonantoj vi jam akiris por ni?

Ni finas per ĉi tiu akra demando, por ke ĝi longe resonu en via orelo.

*La Redakta Komitato.*

# RAKONTO EL LA PRATAGOJ

SILVIE STRAHIMIR KRAJNČEVIĈ

Norden, suden, orienten, okcidenten, sen limo, pli malproksimen ol ĉiu penso, pli profunden ol ĉiu vundo en la koro, etendiĝis la eterna spaco Universa, la hejmo de la senmortaj dioj. Ĝiaj muroj ne estis el marmoro, sed el maldika, diafana nebulo, blua kaj griza, kiel vaporoj laktaj, trateksitaj per miloj kaj milionoj da steletoj perlaj, arĝentaj kaj ruĝetaj. La alta, senfina firmamento estis pura lazuro, mistika kaj revema, kvazaŭ trankvila rigardo virgulina. Sub la piedoj de la senmortuloj flugis nuboj, de la plej malpezaj, kiel fero, ĝis la plej maldikaj, kiel plumeto el flugilo de kolombino. Grandega, arda kuglo ŝvebis en tiu ĉi trankvilo, verŝante tra la grandioza ĉarmaĵo milionojn da helaj varmaj radioj. Ĝi estis la fonto de la eterna lumo kaj varmo, la varmega koro de la Universo, el kiu kuris la sango de l'vivo tra la lazuro en ĉion, kio ekzistas, egale tuŝante tion, kio vivas kaj tion, kio estas senviva.

Longaj helaj radioj elfluis el tiu arda pilko kaj tremetis en la Universo, kvazaŭ fadenoj, sur kiuj, ŝajne, pendis ĉio ĉi tio. Nek mitaj nimfoj, nek kristanaj anĝeloj ekzistis tie. Nenio, krom la muta, nemakulita sanktejo de la Universo, nenio, krom tiu arda pilko, tiuj brilaj tremantaj steloj kaj la nuboj, kvazaŭ fumo de hekatombo — je la gloro — de kiu?

Kaj okazis tiam ke en la senfina vidaĵo subite aperis longa perla palto. Malrapide ĝi descendis el la altoj; meze blanka kaj laŭ sia malklara rando flava kaj ruĝa kaj verda, kiel la suno, se oni ĝin rigardas tra larmoj. Oraj radioj rebriliĝis de ĝia delikata nebula teksaĵo kaj ŝajnis, kvazaŭ ĝin portus nevideblaj fingroj. Kaj ĝi vibris en fajra multkoloreco, kvazaŭ rosero sur araneaĵo.

Sur la nubo sidis la Maljunulo. Arĝentkoloraj haroj kaj honora rubando ornamis lian dian kapon, miksiĝante kaj dronante en la sunaj radioj kaj en la nuba nebuleto.

El tiu arĝentkolora sankta rondo rigardis du mildaj kreantaj okuloj en la mutan Spacon, du rigardoj, pli serenaj ol la steloj, pli varmaj ol tiu arda pilko, pli profundaj ol la senfunda bluaĵo ĉiela. Ŝajnis, ke en la senvivan Universan dezerton eniris nova vivo, ke en grandan mortinton enloĝiĝis animo. Tion sentis la steloj kaj la nuboj; la steloj ektremis pro ĝojo, la nuboj ekbalanciĝis pro agrableco. Ah, tiel tremetas arbaro, kiam ĝin kisas printempo, kaj infano, kiam el malproksime li ekvidas sian patrinon, kiun de longe li ne vidis.

Sed tiu Granda Estaĵo per sia rigardo, kiu karesis tra la ĝojaj nuboj, fiksis malbelan makulon en la fundo de la Universa maro. Ŝajnis ke la ero pli malgranda ol milio falis de ie, de sinjora tablo sur la profundajn nubojn. Kaj la Granda Estaĵo malleviĝis tra la aera oceano al tiu malzorgata punkto.

La ero fariĝis pli kaj pli granda kaj perdis eĉ tiun ĉarmon, kiun ĝi havis rigardate de malproksime. El ĝia nebula vizaĝo leviĝis tuberoj kiel montoj, de sub kiuj ruliĝis sufokaj akvofaloj.

— Ho, malbelaĵo en la Universo! — eksonis ies gorĝo kun raŭka rido.

La steloj malheliĝis; la nuboj karambolis per uragana vento kaj kvazaŭ sin preparis: ŝuti fulmojn sur la diinsultanton. Sed la Granda Estaĵo per sola rigardo kvietigis ilin.

— Eliru! — tondris la voĉo de l'Kreinto tra l'Universo.

Per la terura univers-tremo, en ŝaŭmo de fluidiĝintaj ŝtonoj, en malbonodora fumo de venenaj vaporoj saltis el la ventro de tiu nigra ero fantomo malbelega. El liaj fajraj okuloj ŝprucis rido, sur lia sulkumita frunto estis legeble ke li respektas nenion. Sed ĉirkaŭ la rikanaj lipoj kaŝiĝis malkontento, kvazaŭ antaŭsento pri la propra malforto.

— Vi vokis min — mokis la aperaĵo — kaj mi venis, por vidi vin. Finfine, mi ja volas scii ĉion, observi ĉion kaj poste — ridi je ĉio. Ha, ha ha!! Mi aŭdis ke vi estas tiu, kiu kredas. Nu, aŭdu min, mi diras al vi sincere, mi ja ne povas ĝuste krei, sed mi povas aliformi viajn kreaĵojn, laŭ mia volo. Kaj, ĝis tiel estos, ĝis tiam mi estos pli forta ol vi. Jen, steloj kaj nuboj kantas al vi pentan kanton, sed estu ja tiu nebula gloro la via, mi tamen ne klinas mian nukon antaŭ via kreanta rubando. Mi malhelpas vian laboron kaj ĝis mi povos aliformi ĉiun vian fruktiĝintan penson laŭ mia volo, ĝis tiam daŭros mia regado. Eh, se vi kreus ion plej bonan, plej belan, ion super mia abomena potenco — eh, tiam! — kaj malica rideto trairis liajn mokemajn lipojn.

La Granda Estaĵo rigardis per trankvila kaj enpensiĝa rigardo la petolan aperaĵon.

— Jen, vidu tiun ĉi eron — daŭrigis la tentanto — vi, kiu kreis senfinajn spacojn kaj pendigis tiun grandan olelampon en la malpleno, vi sur ĉi tiu ero ne povis fondi ion pli grandan ol tiuj tuberoj, tiuj kavaĵoj, el kiuj leviĝas malbonodoro sub viaj fenestroj. Kie vi ja trovis ĉi tiun putrintan pomon? Kompreneble, vi ja ne bezonas min, mi ne scias krei. Sed tamen, se ĉi tio estus mia farajo, mi . . .

. . . Kaj tiam ekrigardis la demono en la trankvilan vizaĝon de la Kreanto. Li eksciis ke la Granda Estaĵo lin aŭskultas milde, sen kolero, kaj li daŭrigis.

. . . mi ĝin ornamus, ornamus per vivo. Aŭ vi eble estas egoista, kaj vi ne toleras, ke ankaŭ aliaj sur ĉi tiu ero dividu kun vi la feliĉon, rigardante viajn stelojn? Ho, Kreanto, kial vi ne kreis homojn?!

La Granda Estaĵo volis malfermi sian benan buŝon. En tiu momento flugis antaŭ lin milda anĝeleto, kiun sur la steloj oni nomis Kompato.

— Ho, patro! — ekflustris la anĝeleto — ne obeu lin, ne kreu homojn. En la momento, kiam vi vokos ilin en vivon, el miaj okuloj ekfluos larmoj, kiuj neniam sekiĝos.

— Malsaĝaĵo — rikanis la demono. — Aŭ, ĉu vi, kreantoj, estas tiel malfortaj, ke vi timas krei la malperfektajn homojn? Ha, ha, ha! Iru do, ruliĝu laŭ viaj multkoloraj nuboj, sed mi restos ĉi tie. Mi knedados, provos, cerbumos kaj verŝajne mi ankaŭ kreos ion!

Kun tondra krako eniris la demono en siajn ŝtonejojn.

— — — — — — — — — — — — — — — — —

Kaj supre sur la nubo, la Granda Estaĵo, en sia dia amo, priŝonĝis la Teron ornamita per arbaroj kaj floroj, per birdoj kaj murmureto de klaraj riveretoj. Bonodoro kaj kanto leviĝis de ĝia supraĵo alten sub la ĉielaltaĵoj. — Gloron al vi, Kreinto! eĥis el la feliĉaj valoj. La suno kisis belajn, feliĉajn, sanajn vizaĝojn, kaj tiuj vizaĝoj estis la homoj.

Kaj kiam vekiĝis la Granda Estaĵo, li trasentis en la koro la tutan ebriigan dolĉecon de tiu sonĝo, kaj diris la fortan diron: Nasku, Tero, filojn kaj filinojn! Ili estu eternaj en la vivo!

Kvazaŭ formikejo, viviĝis la malmola supraĵo. Kanto de ĝojo ekodoris tra la aero. La homoj aperis en la vivo, por esti eternaj.

Kaj profunde, en la ventro de la Tero, sammomente eksonegis ruza, moka ridego: Ha, ha, ha!

— — — — — — — — — — — — — — — — —

De tiu momento trapasis epokoj, kaj la homoj fariĝis — malbonaj. La demono nevideble ŝteliris en iliajn hejmojn kaj venenis la korojn. Per malbondezira rideto li akompanis ĉiun paŝon de la eternaj idoj diaj.

— Mi ne scias krei — diris la mokanto — sed mia rigardo, mia murmuro, mia vorto renversis, aliformis ĉi tiujn eternajn vivantajn figurojn.

— Ido mia — ekparolis tiam la Granda Estaĵo al Kompato — jen, kiel malboniĝis miaj senmortaj idoj teraj. Malbona spirito venenis mian intencon, li portis malutilan planton inter la grenojn.

— La homoj estas sen ŝirmo — rediris Kompato. —

Ili, kvankam eternaj, estas senfortaj kontraŭ li, la malbonfaranto. Ni donu al ili novan forton, ni benu ilin per nova donaco! Ni donu Amon inter vian semaĵon.

Tiam alpaŝis antaŭ la tronon de la Granda Estaĵo belega virgulino. Ŝia postsigno odoris per incenso kaj mirho de puraj kisoj, el ŝia koro varmigis la sango, preta verŝiĝi por feliĉo de aliaj.

— Ekiru en la mondon, filino, — diris la Granda Estaĵo — kaj benu la homojn!

... De koro al koro, de hejmo al hejmo iris Amo. Laŭ ŝiaj postsignoj, post ŝia spiro etendis la floroj siajn kapetojn. Papilioj ĉirkaŭflugis la amatinon, ekflugis sur arbopintojn kaj pro la ĝojo verŝis orajn polverojn de siaj multkoloraj flugiloj tra arbaro kaj arbetaĵo.

Kaj tiel, en gloro, ĉirkaŭiris Amo la mondon, sed de kie ŝi eliris, tien tuj eniris alia belulino — ido de la demono. Ĉi tiun li dotis per mil trompaj ĉarmoj kaj la homoj, kies koro estis varmigita de Amo, ekkaptis ŝin ambaŭbrake. Tiu malfeliĉdona belulino havis du nomojn: Sinamo kaj Pasio.

La mondo penegis por sin kontentigi. Anstataŭ frateco, egaleco kaj libero, anstataŭ tiu leĝo de amo, laŭ kiu estas egala feliĉo por ĉiuj kaj egala paradizo sur la Tero, aperis, per la influo de la demona filino, la mala bildo, la mala, mensoga spirito de l' amo, aperis la egoismo, la idolservo al personaj interesoj. Ve, kaj krom ĉi tio fiksis la pasio nerompeblajn flugilojn al la ŝultroj de la egoismo. La homoj, eternaj aviduloj, trarompis al si vojon tra siaj subigitaj fratoj, puŝante ilin, eternulojn, sub siajn kotajn piedplandojn. La homaro disiĝis tiam en du neegalajn partojn: en unu pli malgrandan, kiu havis multe, kaj ĝuste pro tio rabis el la buŝoj de tiuj, kiuj havis malmulte, kaj en alian tre grandan, kiu havis nenion krom eterna malsato en la stomako, eterna soifo sur la lipoj, sed ankaŭ eterna egoisma avido en la koro.

Kaj tiam komprenis unuj kaj aliaj ke ilia avido neniam estingiĝos, ili komencis senti la eternecon peza kaj la longan vivon enua, kaj falis la sataj en venenecon, la malsataj en malesperon.

La demono venkis; li malbonigis la homojn donacitajn per eterneco; la vivo perdis sian ĉarmon.

— Kiu estas pli forta? — tondris el la ventro Tera.

— Kiu estas pli forta, ha, ha, ha?!

— Ido mia! — diris malĝoje la sanktaj lipoj de la Granda Estaĵo — jen, la demono venenis nian Amon. Post mia ĉasta virgulino li sendis la Sinamon kaj Pasion, malĉastigis la korojn sur la Tero. Kaj anstataŭ fari la homojn diaj, Amo estis puŝita de Pasio kaj Sinamo en koton. Satuloj demandos: Kial mi estas plu ĉi tie, se mi jam ne scias novajn dezirojn! Malsatuloj vekrios: Kaj pro kio ĉi tiuj miaj eternaj — suferoj?

— Ni donu al ili Esperon, — diris Kompato.

Kaj tiam inter la homojn venis Espero. Ŝiaj okuloj rigardis klare antaŭen, kvazaŭ direktitaj al konstanta hela stelo. Ĉesis multaj kaj multaj malbonoj, sed kie estis la demono? Li furiozis en sia subtera ejo. Pro kolero li eligis el sia galo flavan travideblan guton. Poste li spiris en ĝin el sia nigra animo kaj komencis enŝpruci ĝin en la homajn korojn.

Ĝi estis guto el la maro de neeblaj, neatingeblaj deziroj.

Orfino Espero elektis en la homaj brustoj, sed tiuj brustoj estis jam de longe venenitaj de tiu guto. Ŝi falis en la korojn kvazaŭ venteto sur fajrujon kaj ekscitis ankoraŭ pli tiun miksaĵon. Tiel ankaŭ la unua varma sunradio vekas je vivo la semon de venena kreskaĵo kaj la ovon de vipero.

La homoj postkuris fantomojn, fleksiĝis, kvazaŭ vermoj, en prenilo de eterna, neatingebla deziro. Neniam sufiĉe, neniam tro, ah, kaj tiu infero, ke oni estu eterna!

Kaj venis la tempo, kiam denove multaj kaj multaj nomis Esperon — idon de Dio — trompanto, forpelis ŝin el siaj koroj, malbenis sian eternecon kaj komencis vagadi, kvazaŭ erarlumo super marĉoj. Kaj al tiu malbeno eĥis el la profundoj terura, triumfa ridego: Ha, ha, ha!...

— Ido mia! Ĉu vi aŭdas la mokanton malican? Li fuŝis nian Amon, ankaŭ Esperon; la eternecon li faris malbeno. Ah, kie ni trovu forton pli fortan ol la lia?

— Patro, mi konas unu, sed tiu estas la lasta!

Kaj tiam iris antaŭ la Grandan Estaĵon, per malrapidaj paŝoj, muta, severa virino. Ŝi estis sin volvinta en densan, nigran palton, nur ŝiaj okuloj rigardis tra la vualoj, serioze, sed trankvile.

Malrapide... malrapide ŝi descendis sur la Teron kaj paŝadis tra la amasoj de l'suferantoj, rigardante ilin per trankvila rigardo. Pro tiu rigardo fermiĝis iliaj palpebroj, ŝvelintaj pro plorado kaj sufero. La demono plu ne ridis. Li perceptis finfine, ke la Kreinto estas pli forta ol li, kaj li kaŝis sin en siaj profundoj, kie li bolas pro furiozo, de kie li nin atakas malice. Sed li nenion povas plu al ni fari, ĉar kiam li komencus plej forte ŝiri vian koron, tiam alvenas tiu trankvila, muta virino, ŝi kovras per sia mano viajn okulojn kaj la demono malaperas.

Kaj tiu virino estas nomata — Morto.

El la kroata: *Fran Janjiĉ*

---

# V I K T I M O J

*ROMANO EL LA VIVO DE SIBERIAJ MILITKAPTITOJ*

**JULIO BAGHY**

## OKA ĈAPITRO

Du monatoj pasis, venis printempo.

En la vestejo de la teatro estis granda bruo, vigla prepariĝo. La tajloroj helpis surmeti la artefaritajn mamojn kaj koksojn al la junuloj kiuj prezentos virinrolojn. Belegajn kostumojn oni povis vidi tie. La virina inteligentaro de la urbo volonte pruntis kostumojn por montri sian simpation al la arto kaj — fanfaroni, ke „mian plej novan balan kostumon portis la primadono de la militkaptitoj". Tia estis ja la modo.

Cetere la rusoj tre favoris kaj subtenis la teatrajn prezentadojn, aranĝatajn de la militkaptitoj. Ankaŭ la komandantaro de la militkaptitejo donis al la aktoroj privilegiojn . . . Ili ne devis partopreni en malfacilaj laboroj. Eĉ la „kaŝnjik"-oj (noktaj rabistoj), kiuj senvestigis la pacajn civitanojn, estis favoraj al ili. Foje Johano, venante post noktmezo el la urbo, estis atakata de ili. La senvestigo jam komenciĝis, kiam unu el la kaŝnjikoj rekonis lin. Kaj — kun bonvola rideto li redonis la forprenitan pelton.

— Nu iru, Friz! (En iu opereto li estis nomata Friz.)

Johano sidis ĉe sia stablo kaj ŝminkis sin. Hodiaŭ li havis du rolojn. La ĉefrolon en la dramo de Keĉemen kaj lacigan epizodfiguron en sia propra opereto. Krome estis la reĝisora tasko.

Apud li sidis Doŝky, kaj Ŝarŝy, lia plej fidela helpanto en ĉiu teatra afero. Brava kolego, juna talento kun belega voĉo, eleganta ludmaniero.

Johano havis pesimisman humoron. Kiel ĉiam, li volis stimuli sin. Subite li ekĝemis.

— Vere, malĝuste mi elektis por mi la profesion. Mi malamas la scenejon.

Oni jam konis lin. „La direktoreto denove stimulas sin," — ridetis kaŝe unu al la alia. Tamen Ŝarŝy, kiu sciis, ke por la

amiko, incitata de la baldaŭa tragika rolo, estas nepre necese iom diskuti, kaptis la fadenon de l' parolo.

— Kia aserto! vi ja bone scias, ke vi estas aktoro laŭ sango!

— Jes, ĉar la familia malsano infektis ankaŭ min. Miaj geavoj, gepatroj, preskaŭ la tuta familio estis komediantoj kaj ankaŭ mi fariĝis tia vagabondo. Sed, mi diras, ke tiu ĉi arto estas danĝera veneno?

— Veneno?

— Jes, veneno. Prezenti fremdajn sentojn, interpreti fremdajn pensojn, faligi larmojn pro fremdaj doloroj kaj pro tio multfoje ne kredi la sincerecon de la propraj, estas fatala detruo de la individueco.

— Ĉiu profesio havas malutilajn flankojn, — opiniis Sarŝy.

— Vi estas prava. Sed la aktora arto venenas precipe la animojn de siaj fanatikuloj. Ĝi ekstermas ilian originalecon. Mi forviŝus ĉi tiun abomenindan kriplon el la vico de la artoj.

— Profunde kompreni la sentojn de aliaj estas inda tasko por artisto.

Johano faris rezignan geston.

— Sed la fremdajojn transpreni kaj senti propraj estas sinpereigo. Abomeninda profesio. Mi malamas ĝin.

Sarŝy, kiu sciis, kiel neforŝireble tenas la scenejo Johanon ĉe si, ne povis respondi al ĉi tiu sintrompa mensogo. La diskuto ĉesis.

Post iom da silento Sarŝy, vera Don-Juano, serĉis alian temon. Li komencis entuziasmi pri knabino, kiun li vidis hieraŭ en la urbo.



BOUCHER: SINBANANTAJ NIMFOJ

— Ŝi estis belega! Superbelega! Sur la trotuarrando ŝi staris kaj kun revaj okuloj rigardis la marŝantajn soldatojn. Ŝi estis kvazaŭ bildo de Madono . . . Ŝi ne rimarkis min kaj mi libere povis ĝui ŝian belecon. Ho, se ŝi hodiaŭ ĉeestus, mi ludus nur por ŝi.

Doŝky ekridis.

— Mi rememoras similan aferon. Ĝi okazis ankoraŭ hejme. Mi sidis en omnibuso, ŝi staris ĉe la haltejo. Ŝi estis belega. Superbelega! Kvazaŭ vivanta statuo de Venus. Mi imagis min sur la Olimpo kaj . . . subite ŝi kraĉis sur la trotuaron. **Venus** kraĉis kaj mi falis de la Olimpo en la omnibuson . . . Hahaha!

Sarŝy indignis. Johano duonvoĉe rimarkis.

— Petro, vi estas ne plibonigebla.

Oni sonorigis sur la scenejo. Johano avertis:

— La unua sonorado! Rapidu knaboj!

La bruo pligrandiĝis. tra ĝi aŭdiĝis la afekta voĉo de la primadono.

— Direktoreto, mia kara, rigardu tiun ĉi puntan kalsoneton. Ĝi ne estas helroza. Vi promesis al mi helrozkoloran . . . Terure, iu ŝanĝis eble . . . Iu ĥoristino. Nepre iu el la ĥoristinoj. Ili estas tiel impertinentaj. Direktoreto, mia kara, mi ne povas iri en tiu ĉi ĉifonaĵo sur la scenejon.

Sub la severa rigardo de Johano la afektanta junulo mallaŭtigis la voĉon:

— Bonvolu, kara direktoreto, ordoni, ke oni redonu al mi tiun kalsoneton. Vere estas impertinenteco, ke . . .

— Petro, bonvulo rigardi kaj aranĝi la aferon!

Doŝky iris al la grupo de la virinrolantoj kaj levante la jupojn esploris la aferon. Fine en angulo, kie la teatra barbiro razis la ĉefkantistinon, li trovis la helrozan kalsoneton.

— Tiu ĉi kalsoneto ne apartenas al vi. — diris Doŝky al la konsterniĝanta stelo.

— Al kiu do?

— Al Eŭdoxia.

— Denove al li? Ĉion al li. Mi ludu ja eĉ en vira kalsono... ĉu ne? Mi ne donas. Ne . . . ne . . . ne!

Doŝky klopodis konvinki lin.

— Vi ne dancas. Vi nur kantas. Li devas levi la piedojn ĝis la kapo. Cetere vi ricevos tre elegantan kalsoneton. Tiun de la filino de l' generalkuracisto. Mi povas diri, ke ĝi estas belega kaj puntriĉa.

— Ne . . . ne . . . ne! — li protestis energie je granda timo de l' barbiro.

Doŝky volis iri al Johano, sed li jam venis, en la mano kun la kalsoneto.

— Somody, jen via kalsoneto. Redonu la alian.

La nervoza kantistino malsovaĝiĝis kaj senvorte obeis, kvankam lia mieno ne esprimis plenan kontentecon. Estiĝis ordo. Doŝky, kompreneble, devis rimarki.

— La virinoj, ankaŭ la virseksaj, mi diras, estas abomenindaj kreitaĵoj.

Johano flustre demandis.

— Ĉu ankaŭ la edzino de la „tigro"?

Doŝky iom ruĝiĝis.

— Ŝi ne estas virino, sed martiro.

Tria sonorado. Johano iris sur la scenejon. Doŝky jetis rigardon tra truo de l' kurteno al la spektatorejo. Lia rigardo baldaŭ trafis Katjan. Malantaŭ ŝi sidis Fiza kun militkaptitoj. La spektatorejo estis plenplena. Pli ol milducent homoj. La orkestro jam ludis.

Tra la pordeto de la aktoroj li eliris. Pli agrable estos ekstere, kie estas belega, sunradia tago. Cetere la dramon li jam konis kaj por vidi la opereton li havas tempon. Rolon li ne havis hodiaŭ.

Li sidiĝis sur benketo apud la pordo. La radioj varme karesis liajn fermitajn palpebrojn. La triumfanta printempo ŝtelis sin en lian koron kaj liaj pensoj ree vagadis ĉe la centfoje prisonĝita vizaĝo, kiun nun certe malsekigas larmoj de patrina doloro. Ĉu ne ridinde, ke li, la konata virinmalamanto, la sarkasma sinmokanto enamiĝis al virino, kiun eĉ unufoje li ne alparolis ĝis nun? Ridinde, ridinde! Kaj tamen li fariĝis revanto, kiu longajn horojn teksas obrilajn fadenojn de imagita feliĉo.

Kolomba plendo-kverado eksonis en lia proksimo. Li malfermis la okulojn kaj, post la ĉeso de la vidovibro, rimarkis la birdon sur la sablo. Ĝi paŝadis ronde kaj ronde en la sama loko. Kelkfoje ĝi haltis, la beketon ŝovis en la sablon kaj kveris plende, kvazaŭ plore, poste refoje komencis la tuton. Doŝky singarde leviĝis, proksimiĝis, sed la kolombo mirinde ne forflugis, ĝi kveris plende, dolore. Doŝky klinis sin al ĝi kaj ekvidis en la sablo detranĉitan kolombkapeton. La senvivan beketon kisadis la plendanta kolombo.

Doŝky kortuŝiĝis. Ia stranga respekto al la doloro de la birdo vekiĝis en li, kaj kolero kontraŭ la vandala dekoraciisto, kiu oferis al sia apetito la vivon de kara birdeto. Kaj li, la cinikulo, ekkaŭris, kaj kiel iam en sia infanaĝo, komencis fosadi per la ungoj kaveton por enterigi la malgrandan viktimon de la homa avidemo.

Malantaŭ li nun iu ekkriis laŭte kaj gaje.

— Bonan amuziĝon, sinjoro! Ĉu vi infaniĝis aŭ serĉas kaŝitan trezoron?

Doŝky rekonis la voĉon de Izor Steiner kaj ne turnante sin respondis.

— Mi enterigas.

— Kion vi faras?

— Mi enterigas. Tiun ĉi kolombkapeton.

Izor sulkumis la frunton: li rememoris pri Dogler, fermita inter la frenezuloj. Pliproksimiĝi li ne povis, ĉar azeno staris ŝarĝite apud li sur la vojo, ĝin li devis teni, ke ĝi ne forkuru. Interesiĝante li etendadis do la kolon, kaj mirante vidis ke Doŝky prenas gazetfolion el la poŝo, levas ion el la polvo, volvas ĝin en la paperon kaj metas la pakaĵeton en la kaveton. Izor mirante balancis la kapon. Doŝky, fininte la aferon, nun unuafoje ekrigardis al Izor, kies mieno igis lin ekridi.

— Ĉu vere vi enterigis? — scivolis dubante Izor.

— Jes, vere vere! — kaj la rido ankoraŭ vibris ĉe la lipoj de Doŝky.

Izor aspektis vere komika. Li staris ĉe malantaŭo de azeno kaj tenis forte ĝian voston. La besto persistis obstine pri la plua trotado, dum Izor deziris halti iom por babiladi.

— Izor, hufbatos vin la azeno!

Izor singarde klopodis stari en prudenta distanco, sed la voston li spasme tenis.

— Neeble teni ĝin alimaniere! Tiu ĉi azeno estas tia azeno, kiu mordas. Se ĝi hufbatos, mi saltos, sed kion mi faru, se ĝi mordos?

— Vi vekrios.

— Nu, tion mi faros, eĉ se ĝi hufbatos min. Sed tiel estas pli facile eviti la atencon de tiu ĉi malbenita besto. Ĝi estas rusa azeno, sed same obstine malsaĝa, kiel la hungara.

— De kiu vi aĉetis ĝin?

Izor ruzete grimacis kaj montris al sia ĉapo, sur kiu kvinpinta ruĝa stelo pruvis, ke li apartenas al la ruĝa armeo. Doŝky surpriziĝis.

— Ĉu vi perdis la saĝon? Post hejmenveno oni postulos de vi klarigon? Ĉu vi forgesis, ke niaj oficiroj faras protokolojn pri tiuj, kiuj aliĝis al la ruĝa armeo?

La ruzeta grimaco de Izor transiris en larĝan ridon. Li kapsignis, kaj Doŝky aliris. Izor ĉirkaŭrigardis, kaj tiris lin al si pli proksimen.

— Mi estas laŭĉape ruĝa, laŭkape, kio mi estis. La ĉapo diras, ke mi apartenas al la ruĝa armeo, sed tiu ĉi azeno scias, ke mi estas, kio mi estis. Eĉ pli! Mi estas heroo, kiu sin oferas por vere patriota afero.

— Mi ne komprenas vin.

— Nature, ĉar mi ankoraŭ nenion klarigis. Aŭskultu! Ne! Atendu iomete! Retenu anstataŭ mi tiun ĉi azenon, ĉar se mi ne gestas, mi ne povas paroli. Paroli kaj teni azenvoston samtempe estas neeblaĵo.

Doŝky helpis bridi la obstinan beston kaj ligi ĝin al paliso. Izor viŝis la ŝvitgutojn de la frunto, profunde ekspiris, prenis skatolon da cigaredo el la poŝo kaj prezentis ĝin al Doŝky.

— Ekfumu, ĉar la historio estas iom longa. Bona cigaredo. Iam nur la rusaj oficiroj fumis tiajn. — Li sidiĝis sur la benketon kaj mallaŭtigante la voĉon komencis. — Vi scias, ke niaj oficiroj ne estas tre favorataj de la ruĝa reĝimo. Dum la lastaj semajnoj ili apenaŭ ricevas eĉ manĝi. La ĝisnuna salajro ie malaperas kaj niaj bravuloj vendas kio estas vendebla por havi monon. Nu, se ili iomete suferas, do ili suferu! Kial ne? Ili ja havis ĝis nun ĉion. Ofte ankaŭ la nian. Tamen malsati ĝis freneziĝo estus ne prudente . . . ĉu ne? Do ili ne volas malsati. Nu! Foje mi vizitis mian amikon en la oficira tendaro. Li estas rezerva leŭtenanto ĉe la trajnbrigado kaj judo. Tre bona judo. Li plendis. Nature li plendis, ĉar dum la lastaj semajnoj li malgrasiĝis pli ol ok kilogramojn. Konstati tion oni ne tro povas, ĉar li eĉ nun pezas almenaŭ okdekkvin. Nu, li tamen

# T R I  Ĉ I N A J  P O E M O J

## KONSULTO

*El poeziaro Si-King. (XII—VII. centjaro a. K.)*

*Atentu kaj tro multe ne deziru!*
*Ne kulturadu tro grandan terpecon!*
*Ĉar, se vi tion faros, vi ne havos*
*Sufiĉan forton jam por fini.*
*Fiherbo ĉie kreskos sur la kampo*
*Kaj mortsufokos junan, verdan grenon.*

*Ne pensu tro pri la amato viro*
*Estanta malproksime! Se vi tion faros,*
*Vin kaptos maltrankvilo. Senkviete*
*Kaj turmentite vi tra viv' irados.*

*Ne kulturadu tro multe da kampoj!*
*Ĉar vi nur vidos kreskantan herbaĉon,*
*Kiu rikolton vian ruinigos.*
*Pri amat' forestanta tro multe ne pensu,*
*Ĉar se vi tion faros, — turment' vin mortigos.*

## LA VENTUMILO

*Tŝan-Jo-Su. (XIX. centjaro.)*

*Edzino juna sidas en aroma sia*
*Ĉambreto. Ŝia edzo nun eniras*
*Unuan fojon, por la edziĝnokto.*

*Ŝi tenas en la manoj ventumilon,*
*Sur ĝi skribite estas per penik' subtila:*
*„Kiam aero ardas kaj ne blovas vento,*

*Oni min amas, petas pri malvarmo.*
*Sed kiam vento freŝa aeron trablovas,*
*Mi restas senatente forgesita . . .“*

*L' edzino juna legas kortuŝite*
*Ĉi tiujn vortojn, — pri l' edzo ŝi pensas*
*Kaj tre malgajaj pensoj ŝin ekkaptas.*

*Ŝi pensas: „Koro de amato mia*
*Ardege nun, senbride flamas, — tial*
*Al mi li venas, por ĝin malvarmigi.*

*Sed iam estos lia kor' malvarma,*
*Li min forpuŝos kaj ne volos koni,*
*Tiam mi estos tute forgesita!“*

## MISTERA FLUTO

*Li-Tai-Po. (VIII. centjaro.)*

*Foje vespere. kiam floroj*
*Kaj arbfolioj ĉiuj bonodoris,*
*Alportis vent' al mi de malproksima fluto*
*Kanton.*
*Tiam detranĉis mi branĉeton de saliko*
*Kaj respondante flugis mia kanto*
*Tra la floranta nokt'.*

*De tiu ĉi vespero, kiam dormas tero,*
*En sia lingvo aŭdas dialogon birdoj.*

**Tradukis:** *St. Zausmer.*

plendis kaj la fumaĵitan fiŝon kiun mi aĉetis por vespermanĝo al Salamono — Salamono estas mia kunfirmano kaj fripona judo, kiu ĉiam volas min trompi — li glutis, kvazaŭ muŝon hundo. Li glutis kaj plendis kaj kortuŝis min kaj de tiam ĉiutage mi ŝtelis min en lian barakon kaj nutris lin kiel oni nutras la hipopotamojn en la zoologia ĝardeno. Nu! Foje, kiam li estis englutonta kvaronmetran kolbaseton, venis en la ĉambron kapitano Prokeĉ. Vi konas lin, ĉu ne? Kapitano Prokeĉ, kiu aĉetis paron da orumitaj ŝuoj por nia primadono. Bone. Li envenis kaj rigardis avide la kolbaseton. Mi sciis, ke ankaŭ li tuj plendos kaj mi ne povas aŭskulti plendadon. Kion fari? Mi donis al li la porcion de Salomono. Li dankis, manĝis kaj plendis, ke la rusoj tiel, ke la rusoj tiel, kaj tiel plu. Li diris bonkore al mi, ke malgraŭ tio, ke mi estas judo, tamen mi estas honesta homo. Li diris: „Izorĉjo! Vi povus savi nin el la mizero. Estu nia konstanta liveranto." Ajve! —mi pensis. Bela afero estas la honesteco, sed eĉ la plej honesta judo ne povas esti tiel malŝage honesta, ke li nutru kelkcentojn da malsataj oficiroj je ŝia propra malprofito. Sed, mi povas diri, ke kapitano Prokeĉ estas pli saĝa ol la plej ruza judo. Li kondukis min al majoro Hitzinger, kiu post longa konsidero konsentis, ke mi estu la konstanta liveranto por la vendejo de kapitano Prokeĉ en la oficira tendaro. Jen kiel granda judo li estas.



POUCHER: DORMANTA PAŜTISTINO

Li volas satmanĝi kaj profiti monon. Nu! Por esti konstanta liveranto mi bezonis permeson de la nuna reĝimo. Sed la ruĝa reĝimo donas tian permeson nur al ano de iu fakorganizaĵo. Al komercistoj eĉ tiel ne. Kion fari do? Kapitano Prokeĉ, tre ruza homo, elpensis, ke ĉar al ruĝa soldato ĉio estas permesita, mi aliĝu ŝajne al la sovjeta armeo por savi la oficirojn el la malsatmorto. Majoro Hitzinger kaj kapitano Prokeĉ faris dokumenton pri tio, ke mi servas en la ruĝa armeo nur pro patriota devo. Ili subskribis kaj jen tiel mi fariĝis heroo. Kaj kiel mi diris, tiu ĉi azeno scias tion. Ĉar sub ĝia selo estas kaŝita tiu dokumento.

Doŝky havis skrupulojn.

— Izor, tiu dokumento estos tre danĝera, se ĝi trafos en la manojn de la bolŝevikoj.

Izor ekklakis per la lango, ruze ridetis kaj metis la manon sur la ŝultron de Doŝky.

— Sinjoro Doŝky! Mi diros al vi tion, kion al mi diris kapitano Prokeĉ. Kvankam vi estas kristano, tamen vi estas tute honesta homo. Ne ofendiĝu! Mi nur ŝercas. Tiel ŝercas la judo. Mi turnas min al vi kun granda peto. Konservu tiun danĝeran dokumenton kaj kiam mi bezonos ĝin, redonu. Ĝis tiam ĝi restu ĉe vi. Ĉar vere, tiuj ĉi ruĝaj soldatoj ne komprenas tiajn ŝercojn kaj ili tuj pafas. Ili ĉiam pafas kaj pafas.

Doŝky konsentis pri la peto, sed lia rideto montris ke li iom moke opinias pri la kuraĝeco de Izor. Izor laŭte protestis.

— Ne! Vere ne! Mi ne estas tiel malkuraĝa, kiel vi pensas. Sed mi devas gardi mian vivon por mia familio. Pensu, ke mi havas kvin infanojn el kiuj la lastan mi ankoraŭ eĉ ne vidis. Kaj vidu la aferon! Kiam mi petis tiun ĉi aserton, mi pensis rekte pri ili. Kion mi dirus al la longbarba Abrahamo, se li riproĉus min, ke mi estas la unua judo, kiu faris ion sen dokumento? Sed tio estas nur ŝerco. Mi estus povinta peti kapitanon Prokeĉ mem, ke li konservu ĉe si la dokumenton, sed... sed... ne ofendiĝu, kara sinjoro Doŝky, sed tiu kristano, kiu estas pli ruza, pli negocema ol judo... ne ofendiĝu... ne povas esti honesta homo.

Doŝky plengorĝe ekridegis kaj frapis sur la ŝultron de Izor.

— Izor, Izor vi timas la pafilon! Cetere vi estas prava! Mi nur ne povas imagi, kiel vi povis pafilon uzi en la tranĉeo.

— Tute simple. Mi ne uzis pafilon.

— Ĉu vi ne uzis? Eble vi neniam pafis en la vivo?

— Mi pafis, sed ĉiam singarde, ĉar unufoje, kiam la ĉanon mi ektiris, tiu malsaĝa pafilo tiel forte vangofrapis min, ke preskaŭ mi elsputis la dentojn. Mi pafadis sur la ekzercejo, sed en la tranĉeo? Kial pafi? Nu diru, kial? Ni jam estas post la tuta afero. Ni povas paroli malkaŝe.

— Ni devis pafi, ĉar oni pafis ankaŭ nin.

— Aŭskultu, sinjoro Doŝky! Foje mi estis en la tranĉeo ĉe la telefono. De mateno estis silento kaj mi ĝuis la silenton. Mi pensis pri la kvin infanoj, pri la edzino, kiu nun rakontas pri miaj heroaĵoj al la najbarino Rosenblut. Subite la rusoj freneziĝis. Ili komencis pafi kaj pafi tiel furioze, ke mi estis tri metrojn sub la tranĉerando, tamen mi ĵetis min surventren. Tiam, tiu malbenita telefono ektintis, bruis. Mi devis alrampi kaj preni la aŭdilon. El la stabo iu kolonelo demandis „kial pafas la rusoj?" Li demandis min, kial oni pafas? Kion respondi? „Oni pafas, ĉar estas milito." Se vi estus aŭdinta la blasfemadon, la ofendtorenton de tiu kolonelo! Ĉu mi ne estis prava? Kaj tamen li nomis min bovo.

— Nu Izor, vidu, vi mem diris, ke oni pafis. Kial do ne pafis ankaŭ vi? Vi ne estas nazareno, kies religi malpermesas tuŝi armilon.

— Mi diros al vi sincere la kaŭzon de mia ŝajna malkuraĝo.

Doŝky jam antaŭe ridetis pri la respondo. Sed Izor fariĝis preskaŭ solena.

— Kiam la kaporalo montris al mi mian lokon en la tranĉeo, mi pensis, ke ĉi tie tiel multaj homoj pafadas, ke unu pli aŭ malpli jam ne efikas. Se mi estus sciinta, ke mia kuglo finos la tutan aferon, mi estus pafinta eĉ se tuj mi estus mortinta post tio. Sed unu kuglo ne helpas. Ĝi nur pligrandigas la bruon. Kaj poste mi pensis pri la kvin infanoj, tiam estis nur kvar, kaj mi pensis pri mia edzino, kiu eble nun ekbruligas la kandelojn... Mia malfeliĉa edzino kun kvin infanoj, tiam estis nur kvar, kaj mi ne pafis. Mi pensis, ke en la alia malamika tranĉeo estas simila malfeliĉa judo, kiu havas kvar infanojn kaj li ne pafas. Kial ni pafu unu la alian? Kial ni reciproke orfigu infanojn? Kion ni povus diri al la longbarba Abrahamo, se li demandos nin, ĉu pafadi estas pli profitdona ol honeste brokantadi en Marmaroŝ? Tial mi ne pafis do!

En la sama momento en la teatro ektondris entuziasma aplaŭdado. Ŝajnis al Doŝky, ke tiu aplaŭdo koncernas ankaŭ tiun ĉi mizeran homon, kiu ne pafis, ĉar eble li estus mortpafinta alian judon, kiu havas kvar infanojn. Se ĉiuj estus pensintaj kiel tiu ĉi bagatela brokantisto! . . . Eh, pli bone ne pensi! Kristanoj kontraŭ kristanoj, homoj kontraŭ homoj kaj nun . . . nun, terure, fratoj kontraŭ fratoj, filoj kontraŭ patroj.

Emociite Doŝky ĉirkaŭprenis la judon kaj tre brue, por malkaŝi sian kortuŝon, li ekkriis.

— Nu, Izorĉjo, donu tiun danĝeran fromaĝpaperaĉon! Mi bone ĝin konservos kune kun via sekreto.

Izor prenis el sub la selo de la azeno la dokumenton, ĉirkaŭrigardis singarde kaj ŝovis ĝin en la manon de Doŝky.

— Nun mia vivo estas en viaj manoj.

— Mi ne perfidos vin, Izorĉjo.

— Tion mi scias, sed . . . — li ekgratis sian nukon — de kiam mi estis la dektria en via ĉambro, multfoje frostotremigas min la penso, ke eble neniam mi povos plu brokantadi en Marmaroŝ.

— Izor, Izor, ne estu malsaĝe superstiĉa! Vi sane revenos al via edzino kaj kvar infanoj . . .

— Kvin, kvin, kvin! — korektis Izor vigle, eĉ fanfarone kaj prenis novan skatolon da cigaredo el sia poŝo. — Sinjoro Doŝky, bonvolu fumi tion je ilia sano. Ankaŭ la cigaredfumo flugas supren al patro Abrahamo kaj ne ĉagrenos lin, ĉar ĝi estas vere bonega cigaredo. Bonega!

La publiko dum la paŭzo elvenis por spiri freŝan aeron. Izor malligis la azenon kaj adiaŭis. Li jam estis forironta, kiam io venis en lian kapon.

— Sinjoro Doŝky, mi forgesis la plej gravan. Mi renkontis la barakpoŝtiston kaj mi vidis ĉe li leteron por sinjoro Bardy. Ĝi estas ĉi tie sub mia ĉapo. Elprenu ĝin, ĉar se mi lasos

forgliti la azenvoston, tiu ĉi malbenita besto forkuros kun mia tuta profito.

Doŝky elprenis ĝin kaj Izor ekirigis sian azenon. Doŝky rigardis la leteron kun sincera ĝojo. Ĝi estis el Hungarujo. Pli ol duonjaro pasis, ke Johano ricevis la lastan. Li rapidis en la vestejon, kie Johano staris meze de entuziasma ovacio.

— Johano, jen la plej bela premio! Letero el via hejmo, — li kriis.

La seriozaj trajtoj de Johano, kiun vere tedis la gratuloj, tuj heliĝis.

— Donu, donu, mia kara! — kaj avide li deŝiris la koverton, sur kiu li rekonis la skribon de sia patrino.

Oni silente kunĝojis. Sed nur kelkajn momentojn, ĉar la ĵus mildiĝintaj trajtoj baldaŭ taŭziĝis, la lipoj kunpremiĝis. Johano fale sidiĝis al sia stablo. En liaj trajtoj estis tia ĉagreno, ke neniu kuraĝis interesiĝi pri la enhavo de la letero.

Bardy rigardis sin en la antaŭ li staranta spegulo. Li rigardis sin, sed ne vidis. Longe li forgesis pri ĉio ĉirkaŭ si, nur kiam la dekoraciisto raportis ke la scenejo estas preta por la opereto, li rekonsciiĝis kaj amare ekridis.

— Kion mi diris al vi, Ŝarŝy, ke pro fremdaj sentoj ni devas formeti la niajn. Eh! — kaj metinte la leteron en la poŝon li komencis sin ŝminki por la nova rolo.

Doŝky kompate atentis lin. Li vidis, ke Johano luktas teruran batalon por regi sin. Mil ducent homoj volas nun ridi atendante la farsan komedion.

Dum la tuta prezentado Johano, kvazaŭ perforte dronigis sin en la nervdifekta tasko de reĝisoro. Li estis iom eĉ tro bagatelema, sed oni respektis lian nekonatan doloron. La sukceso estis brila, la entuziasmo brue ovaciis kaj post la falo de la kurteno la publiko per tondra aplaŭdado postulis lin antaŭ la lampojn. Johano nun apartenis al la plej egoista amaso kaj ne al si. Li lasis fari ĉion kun si laŭ ĝia despota volo.

# F A C I L A M U Z O

## U. S. A.

„Se longa sekeco..."

Ofte venis el Usono,
Kable aŭ eĉ sen fadeno,
Brureklama fanfarono
Pri mirakla fenomeno...

Sentambure, sentrumpete
— Ho kruela ironio —
Per la poŝto tre diskrete
De nun venas — helpokrio!!

Tri literojn ili metas,
„U. S. A." sur banderolon,
Kaj ni ĝuste interpretas:
„Urĝe Sendu Alkoholon!"

## LEGI, SKRIBI KAJ KALKULI

Kial en lernejo peni
Dum junecon oni ĝuas?
Ĉion ĝuste ekkompreni
Nin la vivo mem instruas!

En okuloj de knabino
— Kiam vin pasio regas —
La respondon de inklino
Eĉ senlerne vi jam... legas!

Kaj promese, por eterne,
Per kisego sur veluron
De la lipoj, eĉ senlerne
Vi... subskribas aman juron!

Kiel edz' sen embaraso,
Nekonante nur formulon
De l'matematika klaso:
Vi jam lernos la... kalkulon!!

*Raymond Schwartz*

Sed kiam li fine eniris la vestejon, falante sur seĝon li eksploris kaj ploris, ploregis arde nehaltigeble.

En la vestejo ĉiuj silente paŝadis, flustre parolis. La vestejo iom post iom malpleniĝis, restis nur la tri amikoj. Kiam la plorego iom cedis, Doŝky mallaŭte demandis.

— Kio okazis al vi, Johano? Kara amiko, kio okazis al vi?

Johano eklevis la kapon.

— Nenio, karaj! Vere nenio! Nur — mia patro mortis kaj . . . kaj . . . pli nenio.

Li ekskuis la kapon, poste longe rigardis sian ŝminkitan vizaĝon en la spegulo. Kiel ridinde! Kaj li ekridis, raŭke, kaj en subita kolero per pugnobato li disrompis la spegulon.

— Mia patro mortis kaj nenio pli!

Ŝarŝy volis konsoli lin. Doŝky silentis. Strange lin impresis tiu hezita, dolora „kaj". Johano prisilentis ion. Eble duan malfeliĉon. Nevole li pensis pri Dogler, sed li forpelis la penson.

Timema frapado sonis sur la pordo. Doŝky iris malfermi ĝin. Antaŭ la pordo staris Fiza kun la malgranda knabeto.

— La prokuroredzino atendas lin — flustris Fiza.

— Ŝi atendu! Verŝajne Bardy hodiaŭ ne emos akompani sin.

— Kio okazis?

— Li ricevis leteron. Lia patrino sciigis la morton de la patro.

Fiza, emociita, volis kuri al Johano, sed Doŝky retenis ŝin.

— Estus pli saĝe, se vi irus al la sinjorino kaj sciigus ŝin pri la malfeliĉo; ŝi revenu sola en la urbon.

Fiza ekiris, sed Doŝky haltigis ŝin, kaj post pripenso li donis alian instrukcion.

— Tamen, ne! Diru, ke Johano baldaŭ estos preta, sed nenion pri la letero, kiun li ricevis! Ĉu komprenite?

Fiza kapjesis kaj ekiris. Antaŭ la elirejo ŝi haltis. Ŝi malamis tiun ĉi virinon, kiu, laŭ ŝia sento, nur ludas kun Johano. Ho, ŝi konis ŝin tre bone. Antaŭ Johano estis multaj kaj post Johano venos multaj. La edzo fermas la okulojn, ĉar li bezonas tiun ĉi pupon, kies beleco akiras protektantojn. Ŝi taksis sin pli honesta ol la ĉarman belulinon.

Ŝi staris kaj meditis. Kial ne volas Doŝky, ke ŝi sciigu ankaŭ la funebran leteron? Dum la sciigo oni povus bone spioni ŝian mienon. Per tio oni povas multe diveni. Ŝi decidis kaj malfermis la pordeton.

Kaj la senpaciencan Katja ŝi trovis rekte antaŭ si. Momenton ili interrigardis fikse. Katja rekonis la knabinon, de kiu foje ŝi forprenis sian leteron. Iom ĝenite ŝi ekparolis.

— Ĉu sinjoro Bardy estas jam for?

Fiza kape montris al la vestejo. Ŝi ankoraŭ hezitis.

Nun, post paŭzo, ŝi elpuŝis: Lia patro mortis.

Ŝi rigardis esplore la vizaĝon de la virino. Ĝi montris surprizon, sed nenion pli.

— De kiu li scias tion?

— Li ricevis leteron.

La mieno de Katja malheliĝis, tuŝita de malgrabla penso. Ŝi demandis senpacience.

— Ĉu li nenion komisiis al vi?

Fiza forte akcentis.

— Li nenion. Li vere nenion.

La tono de la stratknabino ofendis Katja. Ŝi rimarkis ankaŭ duonkaŝitan rideton en ŝiaj okuloj. Ŝi ne povis reteni sin.

— Iom impertinente vi respondis.

Fiza larĝe malfermis la okulojn, faris naivan grimaceton kaj kun falsa humileco demandis.

— Ĉu impertinente, sinjorina moŝto? Pardonu min, sinjorina moŝto! Li diris nenion, vere nenion, sinjorina moŝto, — kaj en ŝiaj okuloj ekfulmis malamo kaj kolero, sed ŝia voĉo restis humila. — Mi sincere bedaŭras, ke la sinjorina moŝto sentas sin ofendita de mia respondo. Pardonu tre altestimata sinjorina moŝto!

Katja sentis la sarkasmon de la multfoja ripetita „sinjorina moŝto". Ŝi ektremis pro kolero. Ĉifono de strato mokas ŝin kun impertinente humila incito. Ŝin, la prokuroredzinon, tiu ĉi ĉiesulino! La ofendita vanteco pelis la sangon en ŝian kapon, ŝi ne povis regi sin. Ŝi vangofrapis la knabinon.

La bato ne estis forta, apenaŭ tuŝis la vangon, sed Fiza, kvazaŭ tigrino, furioze saltis al la ŝia brusto. La silka bluzo ŝiriĝis sub ŝiaj ungoj. Ŝiaj okuloj sovaĝe turniĝadis, ŝiaj dentoj grincis. Raŭke, balbute eliĝis duonvortoj el ŝia buŝo. Vulgaraj, nereproduktablaj esprimoj.

Katja terurite rifuĝis, sed antaŭ ol ŝi atingis la pordon, Fiza jam staris denove kontraŭ ŝi. Ŝiaj manoj kaj nazloboj tremis, ŝia brusto ondis, ŝia koro batadis kvazaŭ freneza martelo. Katja tremis, volis krii, sed ne kuraĝis, ŝia mieno petegis indulgon. Longa spirhalta momento. Fiza subite retrankviliĝis kaj malŝate ekrikanis.

— Nu, kamaradino, sinjorina kolegino, ni fariĝis egalaj. Pli honeste tiel! Multe pli honeste ol preteriri sen kalkulo. Ne timu! Mi ne tuŝos vin. Nur kelkajn vortojn mi havas ankoraŭ al vi. Nur kelkajn vortojn, tre estimata kamaradino kaj ŝatata kolegino. Malfermu la orelojn!

Katja iom rekuraĝiĝis kaj denove ekiris al la pordo.

— Lasu min! Mi ne havas kun vi aferon! Pri la hodiaŭa vi respondos antaŭ la juĝistaro. Foriru el la vojo!

Fiza ridis triumfe.

— Ankoraŭ ne! Atendu iomete! Mi finos mallonge. Aŭskultu, kamaradino! Mi scias, ke vi faras kruelan ludon kun tiu, kiun vi nun atendas.

Katja surpriziĝis, poste ekridis longe kaj moke.

— Ah, amkonkuro, ĵaluzo! . . . Kaj mi ne divenis! Kaj li ludis antaŭ mi komedion, sanktan ermiton, kiu kontraŭstaras ĉiun tenton . . . Hahaha! — subite ŝi turnis sin for de la knabino kaj ekiris, sed Fiza ekkaptis ŝian manon.

— Restu! Vi eraras. Eĉ per unu fingro li ne tuŝis min. Ĉu vi komprenas, kolegino, ĉar vi estas vere kolegino. Mi nur avertas vin , ke ne ludu plu, ne tentu plu lin, ĉar mi ne volas, ke li havu saman finon kiel viaj viktimoj.

— Miaj viktimoj?! — kaj Katja fanfarone ekridis.

— Jes, viaj viktimoj! Se vi forgesis ilin, mi rememorigos vin. Antaŭ tri jaroj, antaŭ via edziniĝo, la juna kaŭkaza kapitano. Li mortpafis sin. Dum la edziĝa festo, fi, eĉ mi mem hontas, oni surprizis vin kun la generaladjutanto. Via edzo en duelo kripligis lin por la tuta vivo. Rememoru pri la deputito de la sveda Ruĝa Kruco, kiu en via dormoĉambro tratranĉis siajn pulsojn. Poste venis la vico de abomeninda tragikomedio kun negroartisto, kiun via edzo forpelis per kozakaj skurĝoj el la vestejo de la urba teatro. Kaj antaŭ Johano la juna turka oficiro kiu mortis en la malliberejo. Kaj nun estas lia vico. La saman ludon vi faras ankaŭ kun li kaj mi scias, ke la tuto jam estus delonge finita, se li estus kapitulacinta al via histeria kaprico.

Katja staris mute, kvazaŭ ŝtoniĝinte. En la okuloj de la knabino refoje ekbrilis la sovaĝa flamo.

— Kiomfoje vi trompis vian edzon, Dio scias nur. Jes, tre estimata kolegino, vi estas la diablo mem. Vi mistifikas vian edzon. Vi ŝajnigas vin martiro, kiun la viroj ampersekutas. Vi estas pli kulpa ol ni, stratknabinoj, ĉar vi forprenas saĝon honeston, animon. Faru, tio estas via afero, sed ne kuraĝu ludi kun tiu ĉi viro, ĉar vi trovos min kontraŭ vi.

Katja retrovis sian kuraĝon en la momento, kiam ŝi rimarkis, ke Fiza alvenas al la sentimentala punkto. Ŝi ekskuis sian belegan kapon, kaj moke, sed kun plena ĉarmo ridetis al la silentiĝinta knabino.

— Ne ludu kun li, ĉar mi amas lin. Kiel vi ne diras tute malkaŝe. Plihoneste tiel. Multe pli honeste tiel!

En la okuloj de Fiza aperis larmoj. Katja rimarkis ilin kaj pliakrigis sian sarkasman tonon.

— Kial vi ne diris tuj! Malespera amo! Kiel romantika! Vere kortuŝa afero. Indas verki romanon pri ĝi. Mi sincere kompatas vin, el tuta koro kaj por rekompenci vin mi faros amkonfeson anstataŭ vi. Li havas vakskoron, emas al la romantikeco kaj vi estos priaŭskultata. Hahahaha! Ci, eta gardanĝelo!

Fiza severe kuntiris la brovojn.

— Kaj mi kondukos lin al tomboj de viaj viktimoj.

Kaatja ektiris la ŝultrojn, la lipojn mokeme kuntiris.

— Konduku do! Li ne kredos al vi. Nenion li kredos.

La pordeto subite malfermiĝis kaj Johano staris sur la sojlo. Malantaŭ li liaj amikoj. Fiza, kvazaŭ surprizita infano, mallevis la okulojn. Katja paliĝis. Ŝi neniam vidis tian dolore trankvilan vizaĝon, kia estis tiam la vizaĝo de Johano.

Li turnis sin al Kaatja kaj tre ĝentile, tute senafekte sciigis ŝin pri sia funebro, petante pardonon, ke hodiaŭ li ne povas akompani ŝin al la urbo. Doŝky bonvolos lin anstataŭi ĝis la stacidomo. La lasta vagonaro ankoraŭ ne foriris.

Kaatja esplore rigardis lin dum li parolis. Ŝi volis diveni ĉu Johano aŭdis la kompromitan konversacion. Sed kiam Johano mute levis la ĉapelon por adiaŭo, ŝi forrapidis.

Johano rigardis longe, dolore post ŝi, kaj li rekonsciiĝis nur, kiam timeman tuŝon li eksentis ĉe la mano. Kun sincere pentanta mieno staris Fiza apud li.

— Pardonu min, sinjore Bardy, mi estas malsaĝa vilaĝanino. Tre malsaĝa.

Johano senvorte ekiris. Fiza luktis kontraŭ ekploro kaj treme ŝi flustris al Doŝky.

—Ĉu vi aŭdis ĉion? Terure! Mi estas vere kulpa. Sed mi mem ne volis tion. Eble li amas ŝin.

Doŝky amike prenis la brakon de Fiza sub la sian.

— Eble li — jes, sed ŝi certe — ne!

Fiza malgaje klinis sian kapon kaj ĉagrene ĝemis.

— Kaj mi montris hodiaŭ al li mian „diablan" flankon.

# FABELO EL LA DEKAMERONO

MIĤAELO BABITS

1.

Mi apenaŭ konas historion, el kiu la miraklo de l' sopiro kaj ĉio, kio eble estas plej arda en la virina animo, elbrilus tiel mirinde, kiel el la pikanta historio de *Lisetta da ca Quirino*. Mi rakontos ĝin, kvankam ĝin rakontis la frivola *messer Giovanni Boccacci* antaŭ kvincent jaroj gaje kaj sprite; mi ree rakontos, ĉar ŝajnas al mi, ke ĉi tiun fabelon oni ne devus rakonti gaje kaj sprite, sed io devus esti en ĝi, kio tiel brilu en la historio de la stulta virineto, kiel sur ridanta vizaĝo paro da soifaj kaj malĝojaj okuloj.

2.

Estis do, afablaj sinjorinoj, en Imola, homo de malica vivo kaj malbona moralo, nomata Berto della Massa, kies faritajn agojn oni jam tiom konis en Imola, ke kredi al li, ne la mensogon, sed eĉ la veron, apenaŭ troviĝis homo. Tial do, kvazaŭ malesperiĝinte, li transloĝiĝis en Venecion, rezidencon de ĉiuj kulpoj, kaj kvazaŭ mordate de la riproĉoj de l' konscienco pro tio, kion li faris antaŭe, vestinte sin en la plej humilan humilon kaj montrante sin pli ol ĉiuj katolika, jen, li sin monaĥigis kaj sin nomis frate Alberto da Imola. Kaj en tia vesto li komencis vivi severan vivon kaj tre rekomendi la faston kaj la pentofaron kaj ankaŭ li ne manĝis viandon kaj ne trinkis vinon, kiam tio ne estis laŭ lia plaĉo. Tiamaniere do, okazis, ke la dekdu-urbe-fama, sentaŭga fripono fariĝis granda, sankta predikisto, kompreneble sen tio ke siajn pekojn li estus forlasinta, ĉar ja sekrete li povis ilin fari. Kaj ĉar nun li jam fariĝis pastro, dum meso antaŭ la altaro, se multaj lin vidis, tiajn kvantojn li larmis pri la torturoj de l' Savinto, kiel iu por kiu la larmoj ne multe kostas, se li volas. Kaj per la oratoraĵoj kaj larmoj dum mallonga tempo tiel li ekplaĉis al la venecianoj, ke oni komencis viziti lin kaj kvazaŭ li fariĝis la komisiulo kaj deponulo de la plej multaj testamentoj kaj gardanto de la denaroj de multaj kaj konsilanto kaj konfesprenanto de la homoj kaj precipe de la virinoj, al kiuj ĉiam plaĉas diri al beleta, juna pastro siajn plej sekretajn kulpojn.

3.

Kaj tiel okazis, ke juna virineto, stultulineto, kompatinda, kaj anserineto, kies nomo estis *Lisetta da ca Quirino*, edzino de grandkomercisto irinta Flandrion kun siaj galeroj, iris por konfesi kun aliaj sinjorinoj al ĉi tiu sankta frato. Kaj kiam ŝi genuis antaŭ la monaĥo, nu, ĉar ŝi estis venecia virino kaj tiuj, kompreneble, ĉiuj estas vantaj, demandis ŝin la konfesprenanto: ĉu ŝi ne havas amaton. Kaj ricevinte nean respondon, li denove demandis, ĉu ŝi ne sopirus je tio; ĉar peko estas eĉ la sopiro. Tiam la virineto ofendiĝinte respondis jene:

— *Ej, messere lo frate,* ĉu vi ne havas okulojn? eble ŝajnas al vi ke ankaŭ mia beleco estas, kia tiu de aliaj viri-

noj? Po ĉu mi ja havus el ili por ĉiuj miaj fingroj, se mi sopirus je tio; sed mia beleco ne estas por tio ke ĉia aĉulo amu ĝin.

Frate Alberto tuj vidis ke la vanteco konfuzis la kapon de la virineto kaj li decidis ke li fruktuzos ŝian stultecon; ĉar vere bela ŝi estis kaj dezirinda. Sed bridante siajn sopirojn por iom da tempo, la monaĥo, nur por montri sin sankta, komencis ŝin riproĉi, dirante, ke ĉi tio estas aŭdaca vanto, kaj tiel plu; je kio la virineto diris ke li estas maisaĝa kaj ke li ne scias, kio estas bela. Je tio frate Alberto, ne volante ŝin tro konfuzi, absolvis ŝin kaj delasis kun la aliaj.

4.

Oni devas scii ke *madonna Lisetta,* malgraŭ ĉiu sia vanto, estis virta virino kaj dum la edzo iradis por trezoroj trans la maro, ŝi pasigis siajn tagojn en pia preĝado. Ankaŭ foje, iumatene, ĝuste sur la preĝa skabelo ŝi genuis, kiam aperis en la ĉambro frate Alberto, genufalis antaŭ la virino kaj ekparolis:

— *Madonna,* pardonu al mi, kion dimanĉe mi diris, parolante pri via beleco, ĉar pro tio terure oni travipis min tiunokte, ke eĉ mian kuŝejon mi ne povis forlasi, nur hodiaŭ.

— Kaj kiu travipis vin tiel? — demandis mirante la virino.

— Mi rakontos — respondis frate Alberto. — Kiam la nokton mi pasigis laŭ mia kutimo en preĝado, subite mi ekvidas grandan brilon en mia ĉelo kaj kiam mi alrigardas: kio estas tio, mirinde belan junulon mi vidas supre kun granda bastono, kiu, tiregante mian kapuĉon kaj ĵetinte min teren, tiel tradraŝis min, ke krakis ĉiuj miaj ostoj. Poste, kiam mi demandis lin, kial li batas, li jene respondis: „Ĉar vi kuraĝis riproĉi la ĉielan belecon de *madonna Lisetta,* kiun krom Dio mi amas pli ol ĉion." Poste mi demandis: „Kiu vi estas?" je kio li respondis ke li estas ĉefanĝelo Gabrielo. „Ho sinjoro — mi diris tiam — mi petas vin, pardonu al mi." Kaj tiam li diris: „Mi pardonos vin, je unu kondiĉo. Iru al ŝi kaj petu de ŝi pardonon; kaj se ŝi ne pardonos, mi revenos kaj tiel vin provizos, ke pro tio vi lamos, dum vi vivos." Kaj kion poste li diris, mi ne kuraĝas rakonti, dum vi ne pardonis.

Aŭdinte la virineto la vortojn de la sankta homo, mirinda ĝojo kaj nedireblaj imagoj kreiĝis en ŝi kaj ŝi sentis ke sia koro batas. Kaj ŝi diris al la monaĥo:

— Volonte mi pardonos, se vi rakontos, kion ankoraŭ diris la anĝelo.

— *Madonna* — respondis frate Alberto — ĉar vi pardonis, volonte mi rakontas ĝin; sed mi avertas vin, ke tion, kion mi diras, gardu vin, rakonti al kiu ajn en la mondo se vi ne volas fuŝi tutan vian beatecon, ĉar benata vi estas inter la virinoj. Anĝelo Gabrielo diris: tiom vi plaĉas al li kun viaj virtoj kaj beleco, ke li jam estus al vi plurfoje descendinta, sed li ne volis vin morte teruri. Tial li nun sciigas per mi, ke li vizitos vin iunokte kaj restos kun vi iom da tempo; kaj ĉar li estas anĝelo kaj en lia anĝela formo vi ne povus lin tuŝi, li sciigas ke, por via plezuro, li volas veni en homa formo kaj ke vi sciigu al li, kiam li venu kaj en kies formo kaj li venos; tial mi diris al vi ke benata vi estas inter la virinoj.

5.

*Messer Giovanni Boccacci* rakontas ankoraŭ, kiel petis la sankta monaĥo la virinon ke ŝi permesu ke la anĝelo venu en lia korpo; ĉar tiam la anĝelo ellasus lian animon el lia korpo kaj lasus ĝin en la paradizon kaj dum la anĝelo estus en lia korpo, lia animo estus en la paradizo.

— Mi bone scias — ŝi diris — ke vi, *madonna,* kiel virta virino, vidus la anĝelon plej volonte en la korpo de via edzo; sed via edzo estas malproksime, trans multaj maroj kaj ankaŭ tro maljuna li jam estas, por ke la pezo de la granda animo de l' anĝelo (ĉar ankaŭ la animoj havas pezon) ne difektu lian korpon. Tial mi kuraĝas vin peti, faru al mi tiun ĉi komplezon. Kaj lasu malfermita la pordon apud la kanalo, por ke la anĝelo, kun korpo, povu enveni tra ĝi.

*

En korbata feliĉo kaj sankta timo pasigis *madonna Lisetta* sian tutan tagon. Ĉi tiu juna kaj virta virineto, kiu havis vere malmultan plezuron pri sia kalva kaj ĉiam vojaĝanta edzo kaj kiu en sia stulta pieco eĉ alrigardi ne kuraĝis aliajn kavalirojn: — propre estis enamiĝinta al si mem kaj al siaj nedireblaj kaj senkonsciaj sopiroj. Ŝi estis eble enamiĝinta al la ĉielo, al Kristo kaj al la anĝeloj, al la sangroza korpo de sankta Sebastiano kaj al ĉio, kio vekis en ŝia malklera kaj soifa animo la imagon de apenaŭ konjektataj, transteraj turmentoj kaj plezuroj. Jen pri kio *messer Boccacci* ne parolas. Ĉi tiu malklera, primokata eĉ de siaj amikinoj, kaj sin izolinta virino eble sentis jam de sia knabinaĝo, ke ŝin la ĉielo destinis por altaj sentoj kaj transteraj plezuroj. Al neniu ŝi diris, eble eĉ ne al si mem: sed en ŝi eble brulis io, kiel mistera vaglumo en kaŝitaj grotoj; kaj ŝia senscio nur nutris la fajron de ŝia animo. Kiam nesatigeblaj kaj neperцepteblaj sopiroj turmentis ŝian korpon, ŝi imagis ke neniu alia havas tiajn sopirojn kaj ke ĉi tio estas la sopiro de l' ĉielo kaj eĉ ne terdevena. Kiam en spegulo ŝi vidis sian kaŝe flamantan korpon, ŝi rigardis sin kiel la bibliajn virinojn, pri kiuj la pastroj parolas, filinojn de homoj, al kiuj anĝeloj iradis amumi. Kaj sur la benkoj de Sankta Marko, ĉe la piedoj de dikaj kolonoj, sub grandaj, rondaj, oraj kaj brunaj volboj, ŝia animo elimagis turmentajn kaj timigajn anunciaciojn.

Kaj al mi ŝajnas ke en la historio de ĉi tiu pririditа virineto ni devas senti la senfinan tragedion de la plej altaj kaj plej aŭdacaj, la plej nedireblaj kaj plej sanktaj virinaj sopiroj. Ni imagu ŝin tiel, kiel messer Giovanni Boccacci ne imagis ŝin, tiun vesperon, tie sidanta sur la loĝio de la malgranda palaco, de kie oni vidas tra la malproksima kanalo kaj atendanta la anĝelon, anĝelon Gabrielon. En ora lunlumo sin banas la verda laguno kaj ora luno sin banas en la verda laguno. Malproksime konjektataj kantoj krozadas en la tremanta aero kaj mirinde nigraj gondoloj spiretas sur la akvo. Malproksime spiretas la gondoloj, dum kontraŭflanke multkoloraj palacoj lasas malsupren en la akvon nerve tremantajn, multkolorajn, grandajn ombrokurtenojn, kvazaŭ orientajn tapiŝojn. La



BOUCHER: LA TUALETO DE VENUS

riĉkolora pompo de l' marmoroj iom post iom endormiĝas en la mallumo. La kapricajn marmorpuntojn de la trifoliarkaj fenestroj la luno lavas neĝblanka kaj bluigas per mistera bluigilo. Arĝentaj radioj, bluaj ombroj ; kaj verda silko de akvoj senvente susuras. Kaj sonorilo, sonorilo, vespera sonorilo; el aerkapaj, sveltaj turoj milde varma vespera preĝo. Preĝoj kaj sopiroj kaj nigraj gondoloj spirantaj sur malproksima akvo.

Kaj la malklera virino sidas tie post la trifoliarkaj fenestroj, kun ĉielaj sopiroj kaj atendas la ĉielan anĝelon, kiu ŝin amas. Tremigaj konjektoj kaj timoj kuradas en ŝia korpo kaj ŝia vizaĝo estas blua, kiel la oblikve kuŝantaj lunlumaj, bluaj ombroj de la puntaj fenestroarkoj; ĉar ne estas vera sopiro sen timo. Neĝblankan veston surmetis madonna Lisetta kaj la neĝblankan veston per sia mistera bluigilo bluigas la luno. Kaj kiel ĉiu pimpa arko havas ombron sur la muro: ĉiu malproksima brilo havas sian ombron en la animo de l' virino kaj tia estas ankaŭ tiu ĉi animo, kia la *ca Quirino,* aŭ ia mistera, eta palaco, en kiun tra pimpaj arkoj enfalas la mensoga luno per sia arĝenta pluvego. Kaj time tremante, kun turmenta volupto batas la sopiro de l' virino al foraj lumoj kaj transteraj plezuroj. Al ĉielaj anĝeloj kiuj descendas al la elekte belaj filinoj de l' tero, por kaŝi en ilin, kvazaŭ en konsekritajn vazojn, la ĉielan trinkaĵon de sia amo. Descendas la kavaliroj de l' ĉielo, ĉielaj abeloj, kun ĉiela mielo kaj salutas la malŝatatan, malkleran filinon de l'tero.

— Saluton al vi! — ili diras. — Benata vi estas inter la virinoj.

6.

Madonna Lisetta estis pala kaj pensis pri iu bildo, pri bildo kiun ŝi vidis en iu templo kaj sur kiu estis pentrita la blankvesta, pala Maria, antaŭ orstela, blua kurteno kaj antaŭ ŝi la anĝelo, en kavalira vesto, en oraj sandaloj kaj blankan lilion li tenis en la mano. Ŝajnis al madonna Lisetta, ke ŝi sentas la svenigan, narkotan parfumon de la blanka lilio kaj ŝajnis al ŝi ke ŝi vidas la anĝelon, en kavalira vesto kaj lia vizaĝo estis la vizaĝo de frate Alberto.

La vesperaj sonoriloj jam eksilentis kaj solena, granda silento ekkusis la lagunon, — nura atendo, — kiam la nigra gondolo haltis antaŭ la pordego kaj paŝis el ĝi frate Alberto en kavalira vesto. Kaj estis frate Alberto belkorpa homo kaj fortike kaj brave li staris sur la piedoj, — jene skribas messer Giovanni Boccacci. Kaj kiam li aperis en la blukurtena pordo kaj la lunlumo puntis sur lian vizaĝon la etajn figurojn de la fenestroarkoj, madonna Lisetta, tremante kaj en plezuro, falis antaŭ li sur la genuojn. Kaj la kavaliro de anĝeloj komencis paroli al ŝi pri la neimageblaj voluptoj de l' ĉielo. Pri voluptoj kiujn okulo ne vidis, orelo ne aŭdis; kiuj tiel inundas la korpon, kiel la fajro la olean fonton kaj tiel bruligas la animon kvazaŭ fulmo frapas en la domon de Dio. Pri transteraj, eternaj voluptoj, por kiuj estas dolĉa la morto, kiuj haltigas la tempon kiel Josué la sunon kaj kiuj neniigas la mondojn. Pri teruraj, nedireblaj voluptoj, kiajn la antikvaj dioj sentis kaj supre sentas la sanktuloj kaj anĝeloj.

Kaj certe ja, la animo kaj korpo de madonna Lisetta trasentis ĉiujn plezurojn kaj voluptojn de la ĉielo dum lunluma nokto kaj ŝi flugis sen flugiloj kaj pro la volupto ŝi eligis transterajn kriojn kaj estis benata inter la virinoj.

*

Kaj okazis ke post paso de tempoj la edzo de la bela virino, ŝarĝinte siajn ŝipojn per trezoroj, revenis hejmen el siaj vojaĝoj kaj ekvidinte la edzinon (ĉi tiu afero ne troviĝas en la historio de messer Boccacci), jene li alparolis ŝin :

— Ho kara edzino, kiom vi ŝanĝiĝis. Via vizaĝo estas kvazaŭ floro ekflorinta de vespero ĝis mateno kaj en viaj okuloj brulas mistera fajro. Ĉu la sopiro je mi purigis vin, kiel fajro la oron kaj facetis, kiel diamanto la diamanton? Ho, kiom mi amas vin! Kiom mi ĝojas ke fine mi povis enkasigi mian monon en Flandrio kaj denove mi estas apud vi. Kun pli granda plezuro mi brakumos vin, ol kiam unuafoje vi venis en mian palacon.

Sed la bela virino respondis kun pieco:

— Ho, sinjoro, pardonu min, sed mi ne apartenas plu al vi kaj al la teraj kisoj. Mi estas fianĉino de la ĉielo kaj ĉefanĝelo Gabrielo trovis min inda por sia amo. Anĝelo Gabrielo descendis al mi en la formo de sankta homo kaj la tera amo ne povas esti la mia.

— Kiu estas tiu sankta homo? — demandis la komercisto.

— Frate Alberto, — respondis madonna Lisetta.

Je tio la komercisto ekkriis kun la plej granda kolero:

— Portu vin de mi, senhonta kreaĵo, kiu malhonoris miajn domon kaj nomon per viaj naŭzaj kulpoj. Eĉ vidi mi ne volas plu vian inferan belecon. Portu vin for tuj, se vi ne volas ke per la vipo de hundoj mi elpelu vin.

Sed Madonna Lisetta ridetis:

— Mi foriras, sinjoro ; kaj se mi frostos kaj malsatos kaj se mi suferos batojn, ĉio jam estos por mi plezuro, ĉar la anĝelo descendis al mi en la formo de sankta homo kaj mi estas beñata inter la virinoj.

7.

— Mensogo kaj mensogas la lunlumo — vi diras — ĉar ne la anĝelo aperis en la formo de la sankta homo, sed la sankta homo aperis en la formo de l' anĝelo kaj delogis la virineton.

Sed la kredo feliĉigas kaj koncerne al madonna Lisetta, ŝi vere ne povis vidi ion alian, ol anĝelon Gabrielon kaj vere ne povis senti ion alian, ol transterajn, sanktajn plezurojn. Tiu ĉi malklera virino, kiun malŝatis la sanktuloj kaj priridis la diboĉuloj, eble estis pli sankta kaj pli diboĉa, ol kiu ajn virino, kun pli sanktaj sopiroj kaj pli flamantaj voluptoj. Ŝi vere ne estis la amatino de frate Alberto, sed amatino de anĝeloj, anĝela amatino. La du plej grandaj aferoj, kiuj povas esti en la animo: religio kaj amo, brakumis sin en ŝia malklera animo kvazaŭ du anĝeloj inter la nuboj. En sia trompita, priridita stato ŝi vivis pli feliĉan kaj pli valoran vivon, ol, kiuj trompis kaj priridis ŝin. Kaj oni povis ŝin moki, puni, ofendi; sed oni ne povis forpreni de ŝi tiujn momentojn, kiam ŝi estis benata inter la virinoj.

El la hungara: *Karlo Bodó*



BOUCHER: VENUS KAJ CUPIDO

# EL LA ARKIVOJ DE L' HISTORIO

*MARIA STUART AL REĜINO ELIZABETA*

Mi jam seniluziiĝis, Sinjorino, mi kalkulis je via indulgemo kaj animnobleco.

Kial vi ne volas vidi min ? Anstataŭ oferdoni al mi palacon, kial vi enprofundigas min en malliberejo? Kial mi altiris sur min vian malamon anstataŭ via amikeco ? Kiarajte via Konsilantaro kaj via Parlamento kondamnas min je malliberejo kaj je ĉenoj ?

Ĉu vi, Sinjorino, persekutas min pro tio, ke mia kredo diferencas de la via kaj pro tio, ke ni ne estas filinoj de l' sama Eklezio ? Ĉu estas politika motivo, pro kio mi devas suferi vian maljuston ?

Se vi ne havas afablon por mia rango kaj miaj malfeliĉoj, tamen konsentu, Sinjorino, konsideri mian situacion : mi kunportis en mia korpo la rajthavanton de l' Skotlanda trono.

Vi klopodas teruri min, tion ĉi mi scias, kaj mi scias pro kio ! Eksciu ke mi timas nenion. Elizabeta ankoraŭ ne konas la animan grandecon da Maria Stuart.

Sekve mi suferos en silento mian doloron. Ĉar mi havas, por min konsoli, Unu, kiu donas kaj forprenas imperiojn, kiu starigas kaj renversas tronojn.

Reĝu, Elizabeto, reĝu en paco kaj gloro, sed ne forgesu regi juste kaj humane.

*Maria*

*RESPONDO DE REĜINO ELIZABETA AL MARIA STUART*

Mi ne vidos vin, Sinorino, ĝis kiam vi estos maljuniĝinta kaj paliĝinta pro via restado en la anglaj malliberejoj kaj forlasos ilin nur por ĉeesti grandan tragedion, en kiu vi estos la ĉefa aktorino.

*Elizabeta*

*MARIA STUART AL REĜINO ELIZABETA*

*Sinjorino,*

Kvankam mi estas kondamnita je morto sekve de sentenco subskribita viamane, ne kredu ke mi mortas malamike je vi. Mia religio instruas al mi suferi ĉiujn mondajn malbonojn ; la via permesas al vi ilin fari senpune.

Kvankam kondamnita kvazaŭ krimulino, mi estas senkulpa.

Mi estos senkapigita ne pro atenco kontraŭ via vivo sed pro tio, ke mi surportis kronon, kiun vi avidis.

La fido, kiu kondukis Stan Paŭlon al preĝo por Nero, kondukos ankaŭ Marian Stuart al preĝo por Elizabeta.

Cetere nelegâ reĝino ne estas inda je la indigno de reĝino, kiu tenas sian sceptron laŭ rajto de naskiĝo.

Sendube tiu ĉi parolo vin frapos, sed post kiam mi estas mortkondamnita, kion mi devas plu timi?

Mia ekzekuto, kiun vi opinias malhonoro por mi, kompletigos mian gloron. Sed ne kredu, ke min oferi vi povas senpune: memoru, ke vi estos juĝata kiel mi estos mem.

Malgraŭ tio mi estas tiom malproksima de venĝa deziro pro mia morto, ke mi sentus min feliĉa, se la tempa morto, kiun mi baldaŭ suferos, estus rimedo por la enlumigo de via animo kaj por via alkonduko al eterna vivo.

Adiaŭ, Sinjorino, kredu al mi, krono estas danĝera posedaĵo: ĝi kostas al via kuzino ŝian vivon.

*Maria*

El la angla: *Teo H. Rok*

---

# ARTO KAJ ARTISTOJ

**PAULO VARSÁNYI: KRITIKO DE DIDEROT PRI BOUCHER**



La unuaj francaj periodaj ekspozicioj, la t. n. *Salon*-oj havis sian komencon en la jaro 1673. La progresanta arta vivo de *Paris* bezonis organon, kiu inde povas reprezenti la gravajn artajn aspirojn kaj klopodojn, ankaŭ en internaca rilato. Ĉi tion celis barono *Grimm* (1723—1807) per la eldono de la maneskribita revuo *„Correspondance"* redaktita ekskluzive por superaj rondoj, kies kunlaboranto estis ankaŭ la fama enciklopedisto: *Denis Diderot* (1713—1784). En ĉi tiu revuo aperis liaj famaj rubrikoj, la *„Salon"*-oj, de 1759 ĝis 1781, kiuj havis grandan efikon al la posta artkritiko.

Li bonege konis la okazaĵojn de l'siatempa arto, li vidis la batalon inter la akademia, antikvisma direkto kaj la rokoko: li vidis leviĝi kaj brili la sunon de *François Boucher* (1703—1770), kiu post la morto de sia majstro *Watteau* (1721), daŭrigis lian direkton kun triumfa sukceso — kaj li vidis la finan plenumiĝon de ĉi tiu direkto, en la arto de *Fragonard* (1732—1806).

Sed la naiva ĉarmo de l'mitologio, la kaŝita senmoraleco de l'antikvaj paŝtistaj idilioj kaj la historioj de l'Malnova Epoko jam estis tedaj. La evoluanta burĝa klaso iom post iom forlasis la guston de l' privilegiaj rondoj kaj donis al la arto la signojn de sia propra karaktero. *Siméon Chardin* (1699—1779) kaj *Jean Baptiste Greuze* (1725—1805) pripentris la simplajn scenojn de l' burĝa vivo kaj en iliaj bildoj preskaŭ ĉiam estas rekonebla la morala tendenco, kiel reakcio kontraŭ la ofte mensogaj kaj frivolaj paŝtistaj bildoj. La stelo de Boucher ĉiam pli kaj pli malleviĝis kaj Diderot, kiu komence ankoraŭ ŝatis lian arton, forlasis lin kaj ekprotektis la novan direkton. La sube prezentita kritiko, kiu aperis en la 1765-jara „Salono", malgraŭ sia senkompate forta tono, donas sufiĉe objektivan prijuĝon. Ĝin povas tute akcepti la nuntempa artrigardo, kiu klare, sen ia influo aŭ intereso, povas prijuĝi la valorojn de ĉi tiu direkto kaj kiu en Watteau vidas la fonton de l' vera arto.

**Du paŝtistaj idilioj de Boucher.**

Nu, mia amiko, ĉu vi komprenas ion el ĉi tio ? En la mezo de l' bildo paŝtistino, kun ĉapeleto sur ŝia kapo, kondukas azenon, el kiu nur la kapo kaj dorso estas videblaj. Sur la dorso de l' azeno estas ĉiuspecaj aĵoj, pakaĵo kaj kaldrono. La virino tenas la liĝsnuron de l' besto per sia maldekstra mano, per sia alia mano ŝi portas florkorbon. Siajn okulojn ŝi fiksas al la dekstre sidanta paŝtisto. Ĉi tiu sidas sur la tero kaj tenas kaĝon sur sia genuo, sur la kaĝo estas birdetoj. Malantaŭ la paŝtisto, ne malproksime, staras kampara knabo kaj ĵetas herbojn por la birdetoj. Sub la paŝtisto estas lia hundo, super la kampara knabo, pli malproksime, domo, aĉe konstruita el ŝtonoj, bretoj, ia paŝtista loĝejo, pri kiu ni ne scias, kiel ĝi venis tien. Ĉirkaŭ la azeno estas ŝafoj ; maldekstre, malantaŭ la paŝtistino estas vilaĝa plektbarilo, arboj, pejzaĝo, malantaŭ la paŝtistloĝejo denove arboj kaj pejzaĝo. Tute malsupre, en la antaŭspaco, estas denove ŝafoj kaj unu kapro. Ĉio ĉi tio en laŭplaĉa malordo, bonega ekzemplo por juna lernanto pri la arto : fuŝi la efekton per la amasigo de l' objektoj kaj laboro. Ne parolante pri

la koloroj, karakteroj, pri la ceteraj detaloj, ĉio estas kiel kutime ĉe Boucher. Ĉu ne estas, amiko mia, policistoj ĉi tie, en la akademio ? Kaj se por la bildoj ne estas policistoj, kiuj malhelpus, ke tia venu ĉi tien, ĉu eble ne estus permesate piedĵeti ĝin tra la tuta Salono, malsupren sur la ŝtuparo, en la korton, ĝis kiam paŝtisto, paŝtistino, loĝejo, azeno, birdoj, kaĝo, arboj, infano, la tuta paŝtista idilio estas sur la strato ? Domaĝe, ne. Ĝi devas resti sur sia loko, sed la indigniĝinta bongusto severe, sed prave, ekzekutos ĝin.

Ĉu vi kredas, amiko mia, ke mia senkompata gusto estos pli indulga pri la alia bildo ? Tute ne. Io krias en mi : „For, for ĝin el la Salono !“ Vane mi ripetas al ĝi la sentencon de *Chardin :* „Nur silente, nur silente“, — ĝi koleriĝas eĉ pli kaj krias des pli laŭte : „For ĝin el la Salono !“

Ĝi estas bildo de frenezo. En la antaŭspaco, dekstre denove paŝtistino — Catinon aŭ Favart — kuŝas dormante, kun sufiĉe granda ŝvelaĵo sur sia maldekstra okulo. Jen, kial ŝi dormas en tiel malseka loko, kun kato en sia sino ? Malantaŭ la virino, de la rando de l' bildo ĝis la fono, estas rapoj kaj brasikoj kaj bulboj, kaj argilpoto, kaj en la poto siringfloro ; kaj granda ŝtonamaso kaj sur ĉi tiu granda ŝtonamaso granda vazo kun florgirlandoj ; kaj arboj kaj legomverdaĵoj kaj pejzaĝo.

Kontraŭe al la dormanta virino staras paŝtisto kaj rigardas ŝin, kiun disigas de li nur vilaĝa plektbarilo. En unu mano li tenas florkorbon, en la alia rozon. Diru do, amiko mia, kiel povas esti kato en sino de vilaĝanino, kiu ne dormas antaŭ la pordo de sia kabano ? Kaj kial ne klinas sin tiu stultulo, kial li ne kisas, aŭ intencas kisi la buŝon, kiu proponas sin ? Kial li ne proksimiĝas silente ? . . . Ĉu eble vi kredas, ke ĉi tio estas ĉio, kion la pentristo opiniis bona por ĵeti sur la tolon ? Ho, ne ! Ĉu ne estas transe ankoraŭ alia pejzaĝo ? Ĉu ne leviĝas fumo malantaŭ la arboj, sendube el la kamentubo de najbara kabano? . . .

La sama senorda aranĝo de l' objektoj kaj la sama mensogo de l' koloroj, kiel en la alia bildo. Kia trompuzo de la facileco de l' peniko!

Kaj nun, se ni aldonas la kritikon de *Richard Muther*, ni vidas ne nur la saman vidpunkton de nia epoko, sed ankaŭ la tre interesen diversecon de la kritikaj stiloj. La rafinita esprimkapablo de l' moderna kritikisto estas okulvidebla: „La dekadenco de la epoko de l' Ludovikoj, la delikate paliĝanta, eĉ en la putrado odora dispolviĝo, la rizpudra maljuniĝo ŝminkanta la sulkojn de la vizaĝo, la erotiko sopiranta diboĉon eĉ en la maljunegeco, naŭzas la sanan guston per la tro rapide produktitaj bildoj de Boucher. Li estas moda dekoranto de l' dormoĉambroj, li pentras la bildojn unu post la alia, kvazaŭ per kvar manoj, la limonadguste ĉarmajn meblobildojn, por milda incitado de aĝaj sinjorinoj kaj lace maljuniĝantaj sinjoroj“ ktp.

# *A REBOURS*

*MARIE UNDER*

*Mi ja neniam por longa tempo profundan dormon allogi [povas.*
*Kaj mi neniam trankvilon trovas, mi ĝin ne trovas, mi ĝin [ne trovas*

*Mi ĝuas ĝojon, sed tamen io en mi suferon akran vokas,*
*Pli ruza ja ol mi ĝi estas : feliĉon mian ĝi eksufokas !*

*La koro ardas kvazaŭ estus nun festo ĝoja, festen' solena,*
*Sed efektive ĝi estas brulo, pere' terura, turmento plena !*

*Mi volus kvazaŭ en rozarbuston min ĵeti en pasioflamojn*
*Por ke kruele sangigu dornoj, dum pluv' petala, nun miajn [manojn !*

*Kaj dum feliĉo senguste naŭza, dum granda ekstaz' de [l'sinturmento*
*Elverŝi plenan venenpokalon, ĝisrande ŝaŭmantan pro dub- [fermento !*

*Kaj kvazaŭ fadenon jam ekputrantan disŝiri la rozkoloran [humoron,*
*Por ke denove soleco envolvu per teruranta mallum' la [koron.*

*Kaj la ludilojn diverskolorajn senzorge ĵeti el manoj plenaj :*
*Por malriĉiĝi, sed liberiĝi — seniĝi je donacoj ĝenaj.*

*Kaj ree senespere min ornami per solec' fiera.*
*La tagojn kaj noktojn facilanime malŝpari dum viv' mia [efemera.*

*Kaj plu ne trinki el kruĉo ora, je ĝi rezigni indiferente,*
*Foriri, esti ree sola, kaj morti pro soifeg' turmente.*

El la estona: Hilda Dresen

# MONDLITERATURA OBSERVO

## PENSOJ PRI SHAKESPEARE

En 1916, mi, la unuan fojon, vizitis teatron, por ĉeesti dramojn de Shakespeare, (1564—1616) kies tricentjaran datrevenon oni festis. Ĉiu semajne mi ĉeestis prezentadon, kaj treege interesiĝis. Kiu estis tiu verkisto, kies verkoj estis tiel vivsimilaj, kies roluloj estis tiel allogaj pro siaj homaj ecoj?

Por pli bone kompreni mi studis liajn biografion kaj epokon, samtempe legante multajn verkojn de liaj samtempuloj, Dekker, Chapman, Middleton, Marlowe, Massinger, Ford, Beaumont, Fletcher, Tourneur, Webster, Ben Jonson, kaj aliaj. Mi estis pli mirigita pro la granda supereco de Shakespeare, kaj precipe pro lia simpatia kompreno de virina karaktero. La virinoj de la aliaj dramverkistoj taŭgis al la knaboj aŭ junuloj ludantaj la rolojn sur la scenejo, ĉar, antaŭ 1662, virinoj ne ludis publike. Sed la dramoj de Shakespeare ŝajne estis verkitaj por elmontri la elstarantajn ecojn de virinoj, kiuj estas gajaj, modestaj, spritaj, inteligentaj, kaj sendependaj laŭ la rolo kiun ili prezentas. En neniu verko de la aliaj dramverkistoj havas virinoj la saman gravecon. Mi deziris eltrovi la kaŭzon de tiu malsimileco, do mi legis la biografiojn de la diversaj verkistoj. Multaj verkoj troviĝas pri Shakespeare, sed, se oni elprenas la sendubajn faktojn el la supozitaj okazintaĵoj, tre malmulte estos postrestinta.

Kion ni efektive scias pri William Shakespeare el Stratford-on-Avon?

Li naskiĝis en tiu malgranda urbo en 1564, kaj dum la sekvantaj dekok jaroj, preskaŭ nenio estas konata pri li. En 1582, li edziĝis, kaj denove, krom la naskiĝo de filino en 1583, vualo kovras lian vivon ĝis 1585, kiam lia edzino naskis ĝemelojn. En 1587 li vojaĝis al Londono, kaj loĝis tie dum dek jaroj, for de la familio. En 1592 li estis unue menciata kiel aktoro, kaj en 1593 lia nomo aperis sur oficiala listo de geaktoroj.

La aktora profesio estis tiutempe tre malestimata, kaj la dramverkistoj partoprenis tiun malestimon. Lordo Barleigh opiniis, ke poezio estis vantaĵo, aŭ eĉ pli malbona, kaj li malfidis tiujn, kiuj verkis ĝin. En „Lernejo de Ofendo“, pub-

likigita en 1579, la aŭtoro laŭdas „la sinjorinojn burĝinojn de Londono, ĉar ili sin regis, kaj propravole abomenis dramojn". Alia aŭtoro, en „Refuto de la senkulpigo de aktoroj", (1615), skribis, ke „oni neniam vidas en teatro maljunan burĝon, ĉastan sinjorinon, modestan junulinon, gravan parlamentanon, aŭ saĝan juĝiston. La sola aŭdantaro estas malpiaj amindumantoj, civitaninoj, kamparaj stultuloj kaj malbonuloj". Ke grava persono aŭ nobelulo povus eldoni aŭ publikigi ion, tio estis opiniata kiel nedigna kaj neinda. Selden en „Paroladoj" skribis: „Estas ridinde, ke nobelulo presigu siajn poemojn; oni povas ilin verki por sia plaĉo, sed malsaĝe estas publikigi ilin." Johano Donne konfesis, ke li estis tre kulpa kaj malnobligis sin per la publikigo de siaj poemoj. Samuelo Daniel, la klera guvernisto de Maria Sidney (patrino de la grafo de Pembroke en Kimrujo), patrono de Shakespeare, neniam ŝatis, ke oni uzu liajn dramojn en teatro. En „Epicene", dramo de Ben Jonson, rolulo ekkrias: „Kavaliro, perlabori la vivon per poemoj! Mi esperas, ke li ne faris ilin tiucele. Li ne malhelpos tiom sian elekton al ŝtatofico!" Jen la ĝenerala sintenado rilate al la aktora kaj dramverkista profesioj, kiam Shakespeare supozeble ludis kaj verkis, tamen en 1597 li iel amasigis sufiĉe da mono por aĉeti domon en sia naskiĝurbo.

En 1610—1. li revenis tien kaj neniam revenis Londonon. Li okupis sin kiel ordinara civitano, pruntedonis monon, negocis pri dekonimpostoj, grundoj kaj domoj; laŭ la urbaj dokumentoj li rifuzis repagi malgrandan sumon, kiun lia edzino prunteprenis post kiam li forlasis ŝin, kaj li procesis kontraŭ personoj, kiuj ŝuldis malgrandajn sumojn al li; li subtenis najbaron, kiu sensukcese penadis alpreni parton de la urba komunherbejo.

En 1616. li testamentis siajn havaĵojn, afereme menciante detale, domojn, landon, glavon, liton, eĉ arĝentornamitan pelvon, sed nenia aludo al poemoj, dramoj, libroj, aŭ manuskriptoj troviĝas en la testamento. Libroj, en tiu tempo, estis altvaloraj trezoroj, maloftaj, alte estimataj, do certe, feliĉa posedanto de ia literaturaĵo, estus testamentinta ĝin kun aparta zorgo. Kvankam li ne mem skribis la testamenton, li trioble subskribis ĝin, kaj li ankaŭ subskribis du-tri aliajn dokumentojn, sed nek letero, nek poemo propramane skribita estas ie trovebla. Laŭfame, la strofo gravurita sur lian tombon estis verkita de li, ĝi estas iom kruda kaj stranga.

*„Bona amiko, pro Jesuo,*
*Ne elfosu la cindron, ĉi tie enterigitan,*
*Benata estu kiu ŝparos mian tombon,*
*Malbenata estu kiu forprenos miajn ostojn."*

Verŝajne li ne estis famekonata en sia propra urbo, ĉar neniu priskribo pri morto de bonfama homo troviĝas; oni ne scias, ĉu kunaktoroj venis el Londono por ĉeesti la enterigon. Neniu verkis malĝojajn poemojn aŭ laŭdojn ĝis sep jarojn poste, kiam Hemminge kaj Cundell, kunaktoroj de Shakespeare, kolektis kaj publikigis liajn verkojn en 1623. Por tiu volumo, Ben Jonson verkis laŭdan poemon pri la mortinta verkisto. Kiam Ben Jonson kaj aliaj malpli gloraj poetoj mortis, granda funebro okazis, kaj ili ricevis honoran enterigon en la abateja preĝejo de Westminster, la ĉefa preĝejo de Southwark (nun katedralo de Southwark) kaj aliloke. La frato, Edmund Shakespeare, ankaŭ aktoro, estis enterigita antaŭ la altaro en la Southwark'a preĝejo, kie lastatempe usonanoj starigis belan monumenton al William.

Ĉirkaŭ 1676. kelkaj personoj interesiĝis pri la dramoj, kaj ili klopodis akiri detalojn pri la vivo de la aŭtoro, sed kvankam oni povas akiri informon pri ĉiu famekonata dramverkisto, kantisto, oratoro, juĝisto, historiisto, eltrovinto, preskaŭ nenion ili eltrovis pri Shakespeare.

Dum lia vivo la potenculoj multe malfidis la dramon, ĉar ĝi tre taŭgis por eksciti la homamasan senton per politikaj aŭ religiaj aludoj, kiam la gazetaro ne multe funkciis. Pro „Philotas", kiu temis pri la grafo de Essex, kaj pro „Sejanus", la dramistoj, Samuelo Daniel, respektive Ben Jonson, ricevis malaprobon de la registaro. Dum la dek jaroj, kiam Shakespeare loĝis en Londono, la registaro timis, kaj laŭpove malhelpis la dramverkistojn. Ben Jonson devis ĉesigi la prezentadon de „La diablo estas azeno", kaj li estis malliberigita, kune kun Chapman kaj Marston, liaj kunhelpantoj, pro „Orienten" (Eastward Hoe). Inter aliaj aŭtoroj punitaj, malliberigitaj, aŭ iamaniere malhelpitaj estis Daniel, Dekker, Drayton, Fletcher, Nayward, Kyd, Lodge, Marlove kaj Wither. Sed, kvankam troviĝas en la dramoj de Shakespeare multaj aludoj kaj kritikoj pri la konduto de reĝoj kaj aliaj altranguloj, li ne estis punita aŭ malliberigita, aŭ almenaŭ tio ne estis registrita.

Kiu estis tiu favorito de la sorto? Multaj eminentuloj kaj simpluloj havis grandan scivolon pri li; ili esploris la dramojn por eltrovi informojn. Unu havis teorion, alia neis ĝin, sed neniu trovis efektive kontentigan respondon al tiu ofta demando.

Kelkaj kritikistoj opiniis, ke la verkisto almenaŭ laboris en leĝista oficejo pro sia perfekta kono de la angla juro. Famekonata juristo, Lordo Penzance, asertis, ke Shakespeare senerare uzis la terminaron, ĉefajn aksiomojn kaj maksimojn de la angla juro, sed aliaj verkistoj, Campbell kaj Grant White, diris, ke Shakespeare, kiel leĝista oficisto, estus nepre subskribinta kelkfoje dokumentojn, sed tiaj dokumentoj nenie troviĝis en la ses provincoj apud lia hejmurbo.

Tiel vivsimile Shakespeare priskribis batalkampojn, sieĝojn, kaj aliajn aspektojn de milita kaj soldata vivo, ke aliaj personoj opinias, ke li estis iam soldato. Neniu batalo okazis en Anglujo dum lia vivo, tamen tre trafe li priskribis la suferojn de nacio dum milito, kaj la influon de milito sur soldatojn; li elmontris la malordon kaj detruon kaŭzitajn de milito, samtempe riproĉante tiujn, kiuj malhelpis ĝian sukceson. Same kiel Sir Tomaso More, li malaprobis, ke oni devige rekrutu timemulojn, kaj konfesante, ke ĉiu regato ŝuldas obeon al la reĝo, tamen li asertis, ke ĉiu homo rajtas estri sian propran animon.

En la dramoj estas tiom da aludoj al bibliaj temoj, ke iu persono verkis libron pri lia kono de tiu libro, kvankam el la dramoj oni ne povas trovi ion certan pri liaj religiaj ideoj. Oni povas nur konstati, ke li estis larĝanima kaj tolerema, eĉ kontraŭ hebreoj, kiuj estis nenie estimataj en tiu epoko.

Interalie, troviĝas verkoj priskribantaj la medicinan konon de Shakespeare, liajn konojn pri la presarto, lian sperton pri botaniko, ĉasado, muziko; kaj eĉ en ĉiuj ĉi ne sumiĝas la tuto de lia mirinda klereco. Ben Jonson diris, ke Shakespeare konis „malmulte da latina, kaj eĉ pli malmulte da greka lingvo", sed li ŝajne konis la francan lingvon, ĉar ne nur estas francaj frazoj en la dramoj, sed pro la simileco de „Hamleto" al dana rakonto „Amleth", ellatinigita en francan lingvon en 1570, estas kredeble, ke li konis tiun rakonton, kaj ĝi ne estis anglen tradukita ĝis kvar jaroj post la publikiĝo de Hamleto, (1607).

Rilate al lia muzikokono, oni trovas en la dramoj ne nur aludojn, kaj citaĵojn el popolkantoj kaj rondkantoj anglaj, sed ankaŭ aludojn, al irlandaj kantoj, dancoj, kaj muzikiloj. Multaj personoj cerbumis pri la signifo de la ŝajne sensenca frazo en la dramo „Henriko Va", kie Pistol kaptas francan sinjoron., kiu diras france, ke li estas sinjoro „de bonne qualité" (alta rango). La respondo de Pistol estas diversmaniere donita en diversaj eldonaĵoj. Inter ili estas, „Callino custure me.", „Calin, O custure me.", kaj unu anstataŭas la frazon jene „Kalité, vi nomas min, interpretu al mi". Nu, la antaŭe cititaj frazoj donas la anglan elparolon de irlandaj vortoj, signifantaj „juna knabino, kaŝita trezoro" (Cailin óg a stuir). Pistol ne konante la francan lingvon, kunligis la sonon de la vorto „qualité" kun la ideo de elaĉeta prezo, kiun li demandos, kaj sendube li rememoris la kanton, publikigitan en kantlibro en 1584, sed verkita en la komenco de la 16a jarcento. Eble Falstaff aludis la saman kanton, kiam li kriis al la supozita Anne en „gajaj edzino de Windsor" „ĉu mi kaptis mian ĉielan juvelon?" ĉar „stuir" signifas ankaŭ ĉielan objekton, astron.

*(Daurigota).* *Emma L. Osmond*

# BIBLIOGRAFIO

PARVULI

*Albert Bessières.* Tradukita de Ramo. Eldonis: Espero Katolika, 55 Rue de Vaugirard, Paris (6). 32 paĝoj, 15½×10.

Escepte de tre malmultaj stildifektoj, pro la bone flua stilo la traduko estas leginda. Precipe por katolikoj ĝi estas taŭga legaĵo ankaŭ pro la ĉarmimpresa enhavo.

GEORGE FOX

*Henry van Etten.* Eldonis: Friends Cauncil for International Service, 136 Bishopsgate London, E. C. 2. Prezo: 3 d. Paĝoj: 15.

Biografio de fondinto de la religia societo de amikoj (Kvakeroj). La broŝuro havas ĝenerale ne malbonan esp. stilon.

BATALANTOJ POR LA HOMARA PACO

*Dr. Winfried Fricke.* Eldonejo: La Batalanto Hannover Bürgermeister Finkstr. 19. Paĝoj: 24.

Traktas pacajn kaj ŝtatpolitikajn konsiderojn. El stila vidpunkto la broŝuro enhavanta belajn kaj noblajn dezirojn ne necesigas, mencii la kelkajn ne tro gravajn stildifektojn.

KARL MINOR

*Esperanto-Deutsches Handwörterbuch (Daŭrigo)*

Sed, sendube, oni povas fiksi la sistemon de la Esperanta vortkunmeto. Tamen, ĉi tiu sistemo estu bazita sur simplaj *konstatoj* pri la lingvouzo, kaj ne sur *apriorie* faritaj reguloj. Mi faros nun la provon: ekspliki ĉi tiun sistemon. Kaj mi provos montri, ke la sufiksoj estas metataj laŭ la sama sistemo, do vortkunmeto kaj sufiksa derivado estas en Esperanto principe tute la samaj.

VORTKUNMETO EN ESPERANTO

**Ghenerala̡j reguloj.** I. la ĉefa vorto staras en la fino. II. La ĉefa vorto, staranta en la fino, fiksas per sia senco kaj gramatika karaktero la gramatikan karakteron de la antaŭa vortparto. III. La supraj du reguloj (kaj ĉiuj reguloj de vortkunmeto) validas ankaŭ pri sufiksoj kaj finajoj.

(Esceptoj por la III. regulo estas: *et'*, *eg'*, *aĉ'*, *ĉj'*, *nj'*, *um'*. Ili ne havas gramatikan karakteron. Ili propre eĉ ne estas sufiksoj, ĉar *um'* estas tute kaprica, sekvanta nenian regulon, kaj la ceteraj propre ne aliigas nur modifas la sencon de la vortoj. Oni povus ilin nomi pseŭdosufiksoj, aŭ *modifiloj.*

**Detalaj reguloj.** I. la fina vorto estas radike substantiva.

1. Se ĝi estas substantiva vorto (kun finajo o), la antaŭe staranta vorto estas *ĉiam substantivo.* Se ĝi ne estas radike substantiva, ĝi substantiviĝas. Ekzemploj: homkoro = homokoro, varmenergio = varmoenergio, dormĉambro = dormoĉambro.

La analizo de tiaj vortkunmetoj povas okazi: α. per la prepozicio *de*, (koro de homo, energio de varmo, ĉambro de dormo); β per la adjektivigo de la unua vortparto, (homa koro, dorma ĉambro). Sed analizo β. povas okazi nur, se la novefarita adjektivo montras *ne kvaliton* (vera adjektivo), sed rilaton, apartenon (pseŭdoadjektivo). Do *varmenergio, ĝentilhomo* ne estas dismeteblaj je *varma energio, ĝentila homo*, ĉar tio aliigus ilian sencon (energio de varmo, homo de ĝentilo). Analizo β do estas ne ebla, se la antaŭa vortparto estas radike adjektiva.

Inverse, se el du vortoj (adjektivo kaj substantivo) la unua signifas nepre *kvaliton*, ili ne estas kunmeteblaj en unu vorton. *(Sanga mano, ruĝa vizaĝo, tima homo,* ne estas kunmeteblaj en *sangmano, ruĝvizaĝo, timhomo.)*

Ekzistas ankoraŭ tria maniero de analizo, analizo γ aplikebla nur ĉe certaj kunmetajoj, ĉe kiuj, kontraŭe, ne estas aplikebla analizo α. Ĉi tiu analizo konsistas el la simpla apudmeto de la du vortpartoj, ĉar ili ne rilatas unu la alian, sed ambaŭ rilatas nur la ideon esprimitan. Ekzemploj: oratormajstro = oratoro majstro majstrooratoro; bovoviro = bovo viro = virbovo, scienculpedagogo = scienculo pedagogo = pedagogscienculo. Kiel ni vidas, la vortpartoj de tiaj vortkunmeto, ĝuste ĉar inter ili ne estas rilato, estas inverseblaj sen aliiĝo de senco. (Tiaj vortoj estas ankaŭ: soldatkamarado, membroabonanto.)

Ĉi tiu analizo estas aplikata ĉe sufikso *ino*. (Instruistino = instruisto ino = ininstruisto.) Kaj ĉe sufikso *eco*, kaj *ajo*, (vidu poste).

Ĉar, regulo I. 1. rilatas ankaŭ la sustantivajn sufiksojn. Pri *an'*, *er'*, *id'*, *in'*, *ing'*, *ism'*, *estr'* ĉi tio estas evidenta. La ceterajn mi pritraktas sekve:

*Uj'*. Cigarujo = cigaroujo. Lavujo, banujo, tenujo = lavoujo, banoujo, tenoujo = ujo de lavo, bano, teno. *Analogioj:* cigarskatolo, bankuvo.

*Ist'*. Botisto = botoisto. Instruisto, pentristo = instruoisto, pentroisto = isto de instruo, pentro. Oni povus fari la vorton belisto (estetikisto), kiu estus ne *bela isto*, sed *beloisto, isto de belo. Analogioj:* vinagento, konstrumajstro.

*Il'*. Tranĉilo, kovrilo = tranĉoilo, kovroilo = ilo de tranĉo, kovro. Facetadilo = facetadoilo = ilo de facetado. *Analogio:* tranĉilo — tranĉinstrumento.

*Ej'*. Ankrejo = ankroejo = ejo de ankro(j). Ankradejo = ankradoejo = ejo de ankrado. *Analogio:* preĝejo — preĝdomo.

*Aj'*. Pri ĝi oni devas paroli pli detale. Ĝia signifo estas: io konkreta, aŭ spertebla. — *a)* Post. subst. radikoj ĝi signifas: io spertebla de *x* (analizo α), aŭ io spertebla rilatanta al *x* (analizo β). Bovajo = ajo de bovo = bova ajo, (laŭ la lingvouzo: manĝajo). Sciencajo = ajo de scienco = scienca ajo. — *b)* Post adjektivaj radikoj ĝi substantivigas la antaŭan radikon kaj la signifo estas ricevebla per analizo γ. *Belajo* = belo ajo = belo, kiu estas ajo, aŭ (ĉar *ajo* estas *io spertebla):* belo, kiu estas spertebla, alivorte: *spertebla manifestiĝo de abstrakto belo.* Analizo β ne estas ebla, ĉar ĝi aliigus la sencon. (*Belajo* ne estas *bela ajo.) Ekzemploj:* Li montris al mi la *belajn ajojn* de sia ĉambro kaj poste, tra la fenestro, la *belajojn* de la regiono. La aŭtomato estas *sprita ajo.* Li diris *spritajon* — *c)* Post verbaj radikoj ĝi same substantivigas la radikon kaj signifas simple: io konkreta aŭ spertebla de ago *x*, (analizo *α*.) aŭ io konkreta aŭ spertebla rilatanta al ago *x* (analizo β). *Konstruajo, pentrajo* estas ajoj de konstruo, de pentro. La regulo, ke *ajo* signifas: *antajo* post ne transiraj, *antajo* aŭ *itajo* post transiraj verboj, *estas* erara. Ĉe la du supraj vortoj ĉi tiu regulo ja ŝajnas ĝusta, sed *bindajo* jam ne estas io bindita, ĉar tio estus la *libro*, *garnajo* ne estas io garnita, ĉar tio estus la *viando, dekoltajo* devus esti la *vesto*, ktp. Pri la ĝisnunaj vortoj ŝajnus ĝusta la regulo, ke *ajo*, post *transiraj* verboj, signifas la *rezulton* de la ago. Sed *garantiajo* ne estas la rezulto de garantiado, *amuzajo, amajo, regalajo* ne estas rezultoj, ili, kaj ankaŭ la supraj, estas simple: io spertebla, konkreta de (aŭ rilatanta al) ago *x*. Ĉi tio estas iom larĝa regulo, sed ĝi diras la samon, kiun Zamenhof en sia Lingva Respondo: „la ĝusta signifo dependas de la vorto mem".

*Ul'*. Ĝi signifas: persono *karakterizata*... Ĉi tiu „karakterizata" ne kaŝiĝas *inter* la elementoj de la vortkunmeto, sed *enestas* en la sufikso *mem*. Ĉi tion montras ke *ul'* ne estas uzata memstare, aŭ nur moke, ĉar ĝi, sola, signifas: persono karakterizata de „?". Milionulo = persono karakterizata de miliono, riĉulo = p. k. de riĉo, timulo = p. k. de timo. Analizo β estas ne ebla, ĉar ĝi aliigus la sencon: *Belulo* estas laŭdvorto, dum *bela ulo* estas preskaŭ insulto. *Ulo de belo* (analizo β.) estus ebla, sed ĝi ne estas uzata.

*Ec'*. Ĝia signifo estas: *kvalito*. 1. Aplikebla estas nur analizo γ. (Homeco = homo eco, eco homo). Ĉar la tuta kvalito *homo, la homo kiel kvalito* estas *abstrakto*, do *homeco* estas *abstrakto homo*. Analizo α kaj β ne estas aplikeblaj, ĉar *homa eco kaj eco de homo* havas alian signifon. Ekzemploj: La *homeco* konsistas el diversaj *homaj ecoj*. Inda *eco de homo* estas klopodi je *homeco*. Aŭ: La pacienco estas *edza eco*. Post fianĉeco venas *edzeco*. 2. Post *adjektivaj* radikoj estas aplikata same analizo γ) (Beleco = eco belo). Ĉar la *tuta* kvalito de la abstrakto *belo* estas nur *unu* kvalito, t. e. *kvalito belo, eco* post adjektivaj radikoj signifas *kvaliton. Analizo* β) ne estas aplikebla, ĉar *bona eco* evidente ne estas samsignifa al *boneco*. Ekzemplo: Li havas multajn *bonajn ecojn*, sed ne havas *bonecon*. 3. Post *verbaj* radikoj la analizo okazas same, sed ĉi tie *eco* estas malofte uzata, oni uzas anstataŭ ĝi la sufikson *emo*, preskaŭ samsignifan: timeco — timemo, aŭ la simplan verbosubstantivon: timo. Ĝi estas tamen uzinda, kiam la verba radiko havas *pasivan* sencon. *Fikseco de najlo* signifas, ke la najlo havas (onian) *fikson*, kiel *kvaliton*.

Krome *ec'* estas uzata en la senco :*simila*. (Vitreca = vitrosimila.) Sed ĉi okaze ĝi ne plu estas la *substantiva* sufikso *eco*, sed tute alia *adjektiva* sufikso *eca*. Ĉi tiu dukaraktereco de *ec'* estas certe malavantaĝo, ĝi povas malhelpi eventuale necesan precizecon. En la moderna Esp. oni pli kaj pli malofte uzas ĉi tiun *eca*, helpante sin per vortkunmetoj. Plej bone estus ekuzi apartan sufikson de simileco, *(oida* aŭ, helpe de la adverba finajo, *ea.)*

I. 2. Se la dua vorto, radike substantiva, havas la finajon *a*, la unua vorto havas tian saman karakteron, kian ĝi havus, se la dua vorto estus ankaŭ finaje substantiva. Alivorte: la ŝanĝo de la fina finajo **o** je finajo **a** ne ŝanĝas la karakteron de la unua vortparto. Aliparte, ĉi tiu ŝanĝo kaŭzas la kunfandiĝon de la substantivo kun la antaŭe staranta epiteto. (Bela vizaĝo — belvizaĝa.) Nu, ĉar substantivo postulas antaŭan substantivon kaj adjektivo ne povas adjektivsence fandiĝi kun substantivo, (Regulo I. 1.), oni povas diri ankaŭ la jenon: la unua vortparto estas laŭsence: 1. substantiva, se la kunmeto povas ekzisti ankaŭ o-finaje, (urbdoma — urbdomo), 2. adjektiva, se post la substantivigo de la vortkunmeto tiu ĉi disfalas je adjektivo kaj substantivo, (belvizaĝa — bela vizaĝo; grandara — granda aro.) Resume: la substantivoadjektivo kiel dua vorto 1. substantivon kaj adjektivon antaŭan ne ŝanĝas, sed — nova regulo — verban radikon postulas nepre en substantiva, aŭ adjektiva senco (Skribtabla = skribotabla; timkora = timakora.)

II. Kiam la dua vorto estas adjektiva radiko kun finajo *a:*

1. la unua vortparto, se ĝi estas radike adjektiva, restos adjektivo. (Helverda, plenplena). La analizo de tiaj vortoj okazas per la adverbigo de la unua vortparto, (hele verda, plene plena), ĉar la adj. atributo de adjektivo estas adverbo. Sed en la kunmetita vorto *mem* la unua vorto estas *adjektivo* rilate al la dua adjektivo, kion ni rekonas dum la pluformado je substantivo (helbluo = helabluo) aŭ je adverbo (helblue =helablue). (Rimarku, ke *forte amata* ne estas kunfandebla je *fortamata*, ĉar *fort'* restus adverbsenca ankaŭ en la vortkunmeto *mem*, kaj la pluformado je *fortaamato*, resp. *fortaamate* donus tute alian sencon, ol *forteamato, forteamate*. Vidu ankaŭ regulon I. 2.). *Kopar*

(Daŭrigota)

# GRAVA AVIZO!

## RADIO-AMATOROJ!

## ESPERANTISTOJ!

La „Radio-eksperimenta Stacio de la Hungara Reĝa Poŝto“ Budapest IX., Gyáli-ut 22. semajne trifoje — marde, ĵaŭde kaj sabate — vespere de la 8-a ĝis la 10-a aranĝas radio-provokoncertojn. La ondlongeco de la stacio estas 565 metroj kaj ĝia energio estas 2 kilovatoj. Ĉar la stacio estas tre favora al Esperanto kaj ĝi bezonas la helpon de la radiistoj-esperantistoj, ni petas komplezan aŭskulton de la stacio kaj esperantlingvan informon pri:

1. La loko de la kapto. 2. La sistemo de la aparato. 3. La alteco kaj grandeco de la anteno. 4. La forto de la sono proporcie al sonforteco de radio-stacio en distanco de 100 kilometroj kun energio da 1.5 kv. 5. La klareco de la voĉo kaj komprenebleco. 6. Kiaj ajn aliaj rimarkoj.

Helpante la radio-stacion, vi helpas la propagandon de Esperanto kaj la revuon

**LITERATURA MONDO**
BUDAPEST VI, EÖTVÖS-U. 3. HUNGARUJO

Globus presartinstituto A. S., Budapest. Direktoro Nikolao Biró